# Katolika Vivo

informiga gazeto internacia


## La nepreco de nia gazeto



En nia numero de la 18 januaro, ni publikigis jenan informon, kiun ni trovis en la plej grava katolika ĵurnalo de Francujo : *La Croix* :

Msro Hugo, episkopo en Mainz (Germanujo), kiu estis unu el la episkopoj germanaj, kiuj publike kondamnis la Hitler-partion, estis atakita de Hitler-anoj post la meznokta meso, dum Kristnasko, kiam li reiris de la katedralo al la episkopa palaco. La pastroj, akompanantaj la episkopon, feliĉe sukcesis forpuŝi la ebriajn atakantojn.

La 23 januaro, Profesoro A. Leüfer, el Mainz, sendis al ni jenan proteston :

En la *Katolika Vivo* vi raportas pri Mainz aferon, kiu ne estas la vero.

La afero estis tia : Monsinjoro la Episkopo estis en la seminario por Kristnaska festo, festo sub la Kristnaska arbo, la 26-an. Sur la hejma vojo li preterpasis gastejon. Kelkaj ebriuloj eliris el la gastejo kaj atakis. Tio okazis inter la 9-a kaj 10-a vespere.

1-e Ili ne sciis, ke estis la episkopo ;
2-e Ili ne estis naci-socialistoj ;
3-e Ili ne celis atakon pro naci-socialismo ;
4-e En Mainz ne okazas meso meznokte en publikaj preĝejoj ;
5-a Dum Kristnaska vespero, post la 12-a, nur kelkaj hoteloj ĉe la ĉefstacidomo estas restoracie malfermitaj.

Estas tre bedaŭrinda afero, ke ia sensaciulaĉo ŝmiris tion en la gazeto. La episkopo ne deziris publikigon. Personoj, kiuj ĉeestis eĉ neas atakon, kaj parolas pri simpla kanpuŝiĝo. Eble vi nun vidas : la gazeto ne helpas al paco.

La konkludo de Profesoro A. Laŭfer estas certe troa. Sed tiu okazaĵo montras evidente, kiele estas informata la katolika gazetaro pri okazintaĵoj en fremdlandoj. Kaj sekve ofte okazas, ke la plej seriozaj ĵurnaloj katolikaj publikigas falsajn aŭ duonfalsajn informojn, ĉar ne ekzistas taŭga informilo por ili. Ili estas sub la arbitro de ia ajn pres-agentejo pli malpli tendenca.

Tio montras ankaŭ, kiel nepra estas la apero de nia gazeto, en kiu pli kaj pli ni enpresos nur informojn rekte ricevitajn de la lando mem kaj de seriozaj korespondantoj. Tiel la gazeto helpos al kompreno kaj amo inter la diverslandaj katolikoj. Tiel la gazeto kunlaboros por la starigo de tiu tiel necesa spirit-paco. Sed tiucele ni bezonas vian kunlaboradon, karaj legantoj. Sindoneme donu ĝin al ni.

Georges Ramboux, *presbitero.*

## PANEŬROPO

Oni multe parolas diversflanke pri Paneŭropo. Kaj plejofte oni ne scias precize, kion signifas tiu vorto. Por forigi tiun bedaŭrindaĵon, la fondinto de la Paneŭropa Unuiĝo, S-ro Richard N. Coudenhove-Kalergi, ĵus publikigis 32-paĝan broŝuron, kies celo estas simple kaj resume klarigi tion, kio estas Paneŭropo, kaj la celojn de tiu movado.

La ĉefa celo de la paneŭropa movado estas, starigi Kunfederacion eŭropan de ŝtatoj, en kiu tamen ĉiu nacio gardos sian propran karakteron kaj povos libere evolui. Por multaj homoj tio ŝajnas noblaniman utopion. Sed la eblecon de tia kunfederacio de ĉiuj eŭropaj ŝtatoj — malentenate Anglujon kaj Sovet-Rusujon — fakte montras Svislando mem.

Ŝanĝon de komercajoj en Eŭropo, estas la ĉefa kaŭzo de la nuntempa ekonomia krizo kaj sekve de la mizero de la eŭropaj popolamasoj. Nur la ekonomia programo de Paneŭropo kapablas, havigi kuracilon al tiu grava situacio.

Milito kaj mizero certe naskos bolŝevismon. Kaj por eviti tiun katastrofon, ĉiuj eŭropaj ŝtatoj devas pace unuiĝi en Paneŭropo. Aŭ la Tria Internacio perforte kaj trude okazigos tiun unuiĝon sub la signo de la martelo kaj falĉilo. Estas nur tiuj ambaŭ solvoj de la problemo, diras S-ro Coudenhove-Kalergi. La registaroj eŭropaj elektu !

Kial do ili ne decidus tiun eŭropan kunfederacion ? Spite politikajn kaj ekonomiajn



S-ro Coudenhove-Kalergie

En tiu malvasta lando ekzistas ja homoj, kies devena kaj lingva diverseco ne malhelpas ilin, pace vivi, profitante la samajn rajtojn. Kial do, kio estas ebla en Svislando, tio ne estus ebla en Eŭropo ?

Eŭropon minacas tri precipaj danĝeroj : nova milito, ĝenerala mizerstato, bolŝevismo. Tiuj tri danĝeroj estas intime dependaj unu de alia. Nova milito kaŭzus mizeron kaj bolŝevismon ; ĝenerala mizerstato favorus bolŝevismon kaj militon ; bolŝeva revolucio naskus militon kaj mizeron. Paneŭropo, certigante pacon, forigus tiujn ĉi danĝerojn. Ĝi estas do necesa, por savi Eŭropon !

S-ro Coudenhove-Kalergi deklaras, ke la nuntempa eŭropa politiko celas novan militon, tutmondan, en kiu partoprenos ĉiuj nacioj eŭropaj ; ne plu estos neŭtraluloj. Kaj tiu milito kaŭzos la tutan ekstermon de Eŭropo. Se la eŭropa unuiĝo ne efektiviĝas, ni travivos tiun teruran okazaĵon.

La ekonomia sistemo de la nunaj doganoj, kiuj malhelpas ĉiumaniere internacian intermalkonsentojn, Eŭropo ja konsistigas jam komunumon certan kaj nediskuteblan.

Kultura komuneco. Eŭropo ja havas propran kulturon tute malsimilan al tiu de Hindujo, Bolŝevujo, Ameriko.

Destina komuneco. Eŭropo havas saman ideon pri la familio kaj privata propreco, samajn morojn, saman religion, samajn festojn kaj tradiciojn. « Nur la lingva diverseco kaj reciproka malkono malebligas ankoraŭ, ke la plimulto de eŭropanoj ne kontrolu la verecon de tiu realeco. » Sed la internacia helplingvo Esperanto, estante pli kaj pli uzata, ebligos la vidon de tiu realeco, ĉu ne ?

Eŭropo havas ankaŭ ekonomian, rasan kaj historian komunecojn.

Paneŭropo estas do ebla. Sed naciistoj verŝajne tuj timos la malaperon de la propra nacia karaktero de ilia patrujo en tiu granda eŭropa familio. Malprava timo, respondas S-ro Coudenhove-Kalergi, kiu tuj verkas pri ŝovinismo difinon, kiun ni volas meti antaŭ la okulojn de niaj legantoj.

« La nacia ŝovinismo, kiu, pro amo al sia propra nacio, sentas nur malamon kaj malestimon al la fremdaj nacioj, estas subtenata de la homoj nur duonkleraj. Nek kruda homo, nek vere klera homo estas ŝovinistoj : la unua ĉar li ne partoprenas [illegible] la [illegible] de sia lando kaj sekve ne povas ĝin ŝati ; la alia ĉar li konas ankaŭ la alilandajn kulturojn kaj ilin estimas.

« Duonklera homo scias la supregojn de sia literaturo kaj de sia historio naciaj, la konceptojn de la naciaj politikistoj, la verkon faritan de sia propra nacio. Sed li konas nek la famajn pensulojn, nek la grandajn ĉefulojn kaj la gravajn laborojn de la najbaraj popoloj. Li ne scias iliajn politikajn konceptojn : li vidas ilin nur pere de la spegulo difektiganta de la malamo. Konsekvence li estas devigata akiri konvinkon, ke nur sia popolo estas klera, ke la aliaj estas barbaroj ; li estas tiele devigata fariĝi ŝovinisto.

« Komprenante kaj estimante la fremdajn popolojn oni pligrandigas sian propran klerecon. La nacia kaj eŭropa sentoj estas kontraŭaj nur por la duonklera homo ; por la vere klera homo ili kompletiĝas. »

De post kelkaj tempoj oni multe parolas pri la revizio de la landlimoj. Danĝera demando, kiu povas eksplodigi tute baldaŭ novan tutmondan militon.

« Preskaŭ ĉiuj eŭropaj landlimoj estas maljustaj, skribas la prezidanto de la Paneŭropa Unuiĝo. Ili estis difinitaj ne de juĝistoj sed per la forto. » La opinioj estas diversaj pri la justaj landlimoj : ĉu lingvaj ? ĉu geografiaj ? ĉu ekonomiaj ? ĉu historiaj ?

La sola paca solvo de la demando estas Paneŭropo, ĉar tiam la landlimoj ne plu havos la nunan signifon, sed estos nur administraciaj limoj.

La aŭtoro pristudas la temon ankaŭ sub aliaj diversaj aspektoj, pri kiuj ni tie silentos. Kion ni jam diris, tio sufiĉas por decidi niajn legantojn, fariĝi adeptoj de la paneŭropa ideo. Ili fariĝos tiaj des pli, kiam ili scios, ke la du politikaj grupoj kontraŭaj al Paneŭropo estas la ekstremaj naciistoj, kiuj volas okazigi novan militon, kaj la bolŝevoj, kiuj deziras socian revolucion. Tiuj ĉi vidas en Paneŭropo la rimedon la plej efikan por malsukcesigi siajn sangajn projekton. Tial ili estas la naturaj kaj malcedemaj malamikoj de la paneŭropa movado.

Ni, kiuj tiel arde deziras la pacon inter la popoloj, kiuj tiel forte volas konservi la kristanajn tradiciojn de Eŭropo kontraŭ la senreligia materialismo de Sovet-Rusujo, ni devas propagandi la unuigajn ideojn kaj sentojn, kiuj baldaŭ ebligos la efektivigon de tiu bela idealo : Paneŭropo.

Max Roux.

## Internacia Eŭkaristia Kongreso en Dublin

Laŭ la lastaj sciigoj donitaj per la Loka Kongresa Komitato, oni antaŭkalkulas, ke estos en Dublino, je la fino de la Kongreso, unu miliono da vizitantoj.

Du ŝipegoj de la « White Star Line » endokiĝos en la Alexandra Basin (haveno en Dublino) dum la kongreso kaj estos hoteloj por iliaj vojaĝantoj ; multaj aliaj ŝipegoj ankrados en Scotsman's Bay, apud Laoghaire, kaj ili ankaŭ agos kiel hoteloj por iliaj pasaĝeroj. La G. W. Rly konstruas du novajn vaporŝipojn kaj rapidigas, por ke ili estu pretaj je la printempo de 1932 por la Kongreso.

H. McNeill Macauley.

KATOLIKA VIVO

DUSEMAJNA GAZETO INTERNACIA

DIREKCIO kaj REDAKCIO
22, Cours Albert-Premier — PARIS-VIII
Telefono : Parie-Elysées 85-84
Telegrama adreso : Ramboux, Croibayar-Paris-86

ADMINISTRACIO
22, Cours Albert-Premier — PARIS-VIII
Poŝta ĉekkonto : Ramboux Georges, Paris nº 281.40

ABONPREZOJ :

| | jara | duonjara | kvaronjara |
|---|---|---|---|
| Por Francujo kaj ĝiaj Kolonioj . . fr. fk. | 30.— | 16,— | 8.50 |
| Por landoj kun rabata poŝttarifo . fr. fk. | 35.— | 18.50 | 9.75 |
| Por aliaj landoj fr. fk. | 40.— | 21.— | 11.— |

La abonoj komencas la 1-an de ĉiu monato.
Ĉiu abonanto al *Katolika Vivo* ricevas ankaŭ la monatan revuon ilustritan *Espero Katolika*.
La abono daŭras, se ni ne ricevas kontraŭmendon, kaj sekve ĝi estas tuj repagota.

Oni abonas aŭ reabonas :

1-e Rekte al la administracio de la gazeto, ĉu per nia poŝtkonto (Ramboux Georges, Paris nº 281.40), ĉu per naciaj bankbiletoj aŭ bankĉekoj, pageblaj en Parizo, sendataj en registrigita letero ; ankaŭ per internacia poŝtmandato.

La posedantoj de poŝtĉekkonto en la sekvantaj landoj : Aŭstrujo, Belgujo, Ĉeĥoslovakujo, Danujo, Danzigo, Franca Okcidentafriko, Germanujo, Hungarujo, Jugoslavujo, Luksemburgo, Maroko, Nederlando, Saarteritorio, Svedujo, Svisujo kaj Tunizio, povas pagi per internacia poŝtĉektransigilo al franca poŝtĉekkonto nia.

2-e Pere de la enlandaj abonejoj ĉi-sube menciitaj, sammaniere aŭ per ilia poŝtkonto :

*Por Anglujo* : S-ro J. E. Hookham, 45, Holmesdale Road, en Teddington (Middlesex).

*Por Aŭstrujo* : S-ro Karl Dürschmid, Herrengasse 23, Graz. Poŝtkonto nº 122.791.

*Por Belgujo* : S-ro César Vanbiervliet, Audenaerdesteenweg 100, Kortrijk. Poŝtkonto nº 2289.27.

*Por Ĉeĥoslovakujo* : S-ro Fr. Kozel, Trebizského 474, Praha-Koŝire. Poŝtkonto nº 89.927.

*Par Germanujo* : S-ro J. Thomalla, Harsdoferstr. 7 k. Magdeburg-W. Poŝtkonto nº 9.728.

*Por Hispanujo* : Pastro Font Giralt, Seminario de Santa María del Collell, Gerona-Bañolas.

*Por Irlando* : S-ro H. McNiel Macauley, 1, Wellington Quay, Dublin, C. 4.

*Por Nederlando* : S-ro P. A. Schendeler, Prins Hendrikstr. 30ᵉ, en Eindhoven. Poŝtkonto nº 77.739.

*Por Polujo* : S-ro M. Janik, Ŝwierklany-Dolne (Rybnik). Konto P. K. O. 303.779, Katowice.

*Por Svislando* : S-ro K. Jos. Haas, Adligenswilerstr. 4, Luzern. Poŝtkonto : VII 3.883.


## EL FRANCUJO

■ La Benediktanoj de Saint-Wandrille jus reheĵmiĝis en sian malnovan abatejon de Fontenelle, Seine-Inférieure.

■ Ĉar mankas multaj presbiteroj en lia eparkio, Msro Gonon, episkopo de Moulins, decidis, ke en la paroĥoj, kie ne estas pastro, la fideluloj tamen kunveniĝos en la preĝejon, ĉiudimanĉe, por kune preĝi sub la gvidado de unu paroĥano, kiu ankaŭ legos paĝon de la Evangelio kaj ĉapitron de la kateĥismo.

■ La Asocio katolika de la Franca Junularo okazigis, en Parizo, la 24-25 januaro, la XXXIV-an kunsidon de ĝia federacia konsilantaro. El la diversaj raportoj prezentitaj oni povas konkludi, ke nuntempe la Asocio



S-ro Jakobo Courel
Prezidanto de la Franca Katolika Junularo

estas nur federacio de multaj junalaraj fakoj, de specialaj grupoj, kiel ekzemple la Katolika Laborista Junularo, la Katolika Marista Junularo, eĉ la Skoltoj. Ĝi ne plu havas la saman karakteron kiel antaŭmilite.

■ La XI-a Semajno de la gvidantinoj de la Junula Asocio de la Patriota Ligo de Francinoj, okazis, en Parizo, la 20-24 januaro. La temo estis : « La socia edukado de la junulinoj. »

■ Intensega agitado kontraŭkatolika, evidente interaranĝita, eksplodis en la framasonaj ĵurnaloj *L'Œuvre* (La Verko), *Le Quotidien* (La Ĉiutagulo) kaj *L'Ere nouvelle* (La Nova Epoko) kontraŭ la Katolika Instituto de Parizo kaj kontraŭ ĝia rektoro, Msro Baudrillard. La malriĉa ekipajaro de la laborejo de la fama scienculo Branly estas ĝia preteksto. Kiam oni scias la malbonan staton de la ŝtataj laborejoj, kies direktoroj tamen disponas multajn financajn rimedojn, oni komprenas la celon de tia agitado.

■ La trimonata kunveno de la Franca Kunfederacio de la Kristanaj Laboristoj konstatis la progresojn de la kristana sindikatismo en Francujo.

■ La Katolika Marista Junularo okazigis sian unuan kongreson, dimanĉon la 18 januaro, en Saint-Servan. Pli ol 300 junaj maristoj ĉeestis. Tiu nova Asocio fondiĝis en januaro 1930 ; kaj ĝi jam kalkulas pli ol mil membrojn.

■ La konsilantaro de la Internacia Kunfederacio de la Kristanaj Sindikatoj kunvenis, la 28 januaro kaj sekvantajn tagojn, en Bordeaux. Tiu Internacio grupigas la naciajn federaciojn de Francujo, Belgujo, Germanujo, Hungarujo, Hispanujo, Nederlando, Ĉeĥoslovakujo kaj Svislando.

■ La Asocio de la kristana edziĝo malfermis sian IX-a nacian kongreson, la 29 januaro, en Mulhouse, sub la prezideco de Msro Ruch, episkopo de Strasbourg. La temo de tiu kongreso estis : « La edukado en la familio. »

■ En la eŭropa Centrejo de la Carnegierento, en Parizo, Pastro Yves de La Brière, Jezuito, faris ses-lecionan kurson, de post la 3 februaro, pri « La Katolika Eklezio kaj la internacia pacigo dum la lasta duonjarcento. »

■ Ekzistas en malriĉa kvartalo de Parizo, katolika verko « La Mie de Pain » (Panmolaĵo), kiu dumvintre donacas ĉiuvespere supon al multaj malfeliĉuloj. Sekve de senlaboreco ĝi disdonas nuntempe supon al pli ol 600 homoj. Kaj verŝajne la cifero baldaŭ atingos 800, eĉ milon. La karitatan verkon finance subtenas nur la malavareco de la katolikoj.

# LETERO EL GERMANUJO

### La episkopoj kontraŭ la ekstrema naciismo

La « nacia socialismo » de Adolf Hitler jam delonge renkontis energian kontraŭstaron de la katolikaj gvidantoj. La konata dekreto de la episkopo de Mainz kaj la paroladmalpermeso, kiun baldaŭ poste la episkopo de Augsburg elparolis kontraŭ la naciiste agitanta pastro D-ro Häuser, preparis pli sisteman avertadon kaj klerigadon pri la danĝeroj de tiu movado. La diro de la Hitler-anoj, ke, kontraŭe al la episkopoj de Mainz kaj Augsburg, la episkopo de Regensburg (Ratisbono) estas simpatia al ili kaj eĉ estus subteninta la Hitler-partion, laŭ oficiala sciigo de tiu episkopo, estas mensogo.

En sia jarfina cirkulera letero Lia Kardinala Moŝto Bertram, princ-ĉefepiskopo de Breslaŭ kaj prezidanto de la episkopa konferenco de Fulda, detale klarigis la katolikan doktrinon pri la naciismo. Laŭsperte tiaj cirkuleroj de Kardinalo Bertram ĉiam estas verkataj post interkonsento kun la aliaj episkopoj de la konferenco de Fulda, al kiu apartenas ĉiuj germanaj episkopoj escepte la bavaraj, kiuj havas specialan episkopan konferencon en Freising sub prezido de Kardinalo Faulhaber. Do la dokumento havas malantaŭ si la aŭtoritaton de tiuj episkopoj. En la cirkulero estas i.a. dirate : « La episkoparo, en plena interkonsento kun la signaldiro de la Sankta-Patro, devas kontraŭbatali la erarojn venantajn el falsa naciismo, kiuj en plej nova tempo parole kaj skribe estas disvastigitaj en ĉiuj partoj de nia lando. Ili estas erarojn, kiuj en unuflanka glorado de la raso ekmalestimas la dian revelacion kaj la diajn ordonojn. Tie ne plu temas pri pure politikaj problemoj, sed pri religia ĥimero. — *Ni katolikaj kristanoj konas neniam rasan religion*, sed nur la universalan kristanan revelacion, kiu donis al ĉiuj nacioj la saman kredon, la samajn ordonojn kaj la samajn instituciojn de l' savo. Ĉiu nacio kaj ĉiu gento klopodu, por plene evoluigi ĉion noblan de sia propra karaktero en tiu regno de la Kristo-Reĝo ! Sed neniam rasa konscio rajtas inĝi k[illegible] al la veroj kaj ordonoj de Kristo. La plej alta bono de ĉiu popolo estas la plenenhavo de la eterna vero, kiun Kristo gardodonis en la koron de sia fianĉino, la Katolika Eklezio.....

« Mia vorto eksonu kiel signalvoko en plej vastajn rondojn ! Ĝi estu averto al milionoj da erare irantaj homoj, kiuj ne pripensas, kien kondukas la marŝo ! Ĝi estu vorto de protesto kontraŭ la kalumnio, per kiu la malamantoj de Kristo persekutas la Eklezion, kaj kontraŭ la multkolora miksaĵo de eraroj, el kiuj ili kompilas ras-evangelion ! Vorto de averto kontraŭ tiuj, kiuj karesas revoluciajn ideojn kaj bojkotas plej saĝan savlaboron. Alvoko al la gejunuloj, ke ili ne lasu sin trompi per la multvorta parolaĉado de fanfaronaj delogantoj ! »

### La germanaj katolikoj kaj la naciismo

Kun intereso mi legis en *Etudes*, revuo de la francaj Jezuitoj, de la 5 januaro 1931, artikolon de Robert d'Harcourt pri « La germana katolika opinio kaj la venko de Hitler. » La aŭtoro post bonega studado de la situacio donas al la franca publiko skizon pri la diversaj tendencoj en la germana katolikaro, publikigante laŭvortajn tradukojn el la gvidantaj semajnaj revuoj *Schönere Zukunft* (Pli bela estonteco) kaj *Allgemeine Rundschau* (Ĝenerala Revuo). La du tendencojn karakterizitajn per tiuj revuoj li en klara kaj objektiva maniero priskribas. Tamen mi devas elparoli kritikon : tiuj du tendencoj, kvankam interesaj kaj potencaj, ne estas la solaj, sed *ambaŭ* estas malplimultoj ! Mi mem, kiel kunlaboranto de *Allgemeine Rundschau*, dezirus, ke la afero estus alia, sed fakte ĝi ne estas. La granda amaso de la katolika popolo estas nek ekstreme naciista nek energie pacifista, sed ŝanceliĝas laŭ la cirkonstancoj. Robert d'Harcourt estas prava, ke parto de la germanaj katolikoj post la progreso de la Hitler-partio ekkomencis laŭtan proteston kontraŭ la Packontrakto de Versailles, plendadon pri la Young-Pakto, atakojn kontraŭ Polujo, ktp. ; la proporcio de la du tendencoj de li priskribitaj aliiĝis favore al la « dekstra » flanko. Sed ankaŭ la « aliaj » ne dormas ! Apud la kuraĝaj jurnaloj *Augsburger Postzeitung* kaj *Rhein-Mainische Volkszeitung*, apud la revuoj *Allgemeine Rundschau* de Pastro D-ro Moenius kaj *Volk und Heimat* de Profesoro D-ro Schmittmann staras la fronto de preskaŭ la tuta katolika junularo, de la organizita katolika pacifismo, de la katolika laboristaro, ktp. Ke la parto de Hitler enpenetros en konsiderindajn katolikajn rondojn, ne estas timinde, ĉar tro bone gardostaros kontraŭ tio la Katolika Agado kaj la tuta episkoparo. Kaj ke la naciistaj ideoj de Hitler ne en aliaj vojoj kaj plimildigitaj formoj delogu la plimulton de niaj katolikoj, por tio multaj germanaj katolikoj uzos sian tutan forton. Ke el aliaj landoj ne venu ĉiam denove kaŭzoj, kiuj incitas la germanan naciismon, por tio ni petas la laboron de niaj katolikaj fratoj trans la limoj !

### Germana-pola interkompreniĝo

Neniu povas nei, ke unu el la plej gravaj pacaj devoj de la katolikoj devas esti la interkompreniĝo kaj interpacigo de Germanujo kaj Polujo. Bedaŭrinde la lastaj parlamentelektoj en Germanujo kiel en Polujo estis tre malfavoraj al pli bonaj rilatoj inter la du landoj, kaj la proksima kunsido de la Konsilantaro de la Ligo de Nacioj ja bedaŭrinde minacas, denove alporti eksplodon de malamikaj sentoj. Kaj ĝuste en ĉi tiu momento unu el la plej kompetentaj fakuloj kaj pioniroj de pola-germana interkompreniĝo, nia samideano Kaspar Mayr en Wien, eldonas libron germanlingvan : « Ĉu la interkompreniĝo inter Polujo kaj Germanujo estas neebla ? » (Wien VII., Döblergasse 2/26), kiu bonege servas sian celon. Interesuloj germanan lingvon scipovantaj nepre devus legi kaj disvastigi ĝin ! Kaj en la sama tago mi ricevis pollingvan broŝuron de pola amiko Feliks Bochenski sub la titolo « Obóz Pokoja » (Paca Tendaro) ; ĝi raportas pri la internacia konferenco de Sromowce kaj servas en speciala maniero la polan-germanan interkompreniĝon. Al ambaŭ publikigaĵoj plenan sukceson !

### Grandioza katolika laboro

Ni ricevis la jarraporton de la granda eldonejo Herder en Freiburg, kiu realigas netakseblan laboron en la katolika Germanujo. En la jaro 1931 ĝi komencos la reeldonon de grandioza katolika enciklopedia leksikono (Herders Konversationslexikon), kiu amplekssos 12 volumojn kaj 1 atlasvolumon kaj promesas fariĝi la plej moderna tia enciklopedio ekzistanta. En la sama eldonejo jam aperis du volumoj de dekvoluma « Leksikono por Teologio kaj Eklezio », kiu estonte mankos en neniu biblioteko de fakulo, ĉu teologo, ĉu verkisto, ĉu gvidanto de la Katolika Agado. Jam la du unuaj volumoj estas tiel enhavoriĉaj kaj valoraj, ke mi ne plu povus kaj volus malhavi ilin. Samtempe daŭras aperi en la Herder-Eldonejo la « Staats-Lexikon » (Ŝtata Enciklopedio pri ekonomiaj, socialaj, juraj, politikaj sciencoj), Pedagogia Leksikono, la famkonata « Historio de la Papoj », verko komencita de Ludwig von Pastor, ktp. Multaj centoj da plej valoraj kaj plej modernaj verkoj sciencaj kaj literaturaj aperis 1930 malgraŭ la malfacila ekonomia situacio.

### El la katolika junularo

Pastro Ludwig Wolker, ĉefprezidanto de la Katolika Junvira Asocio de Germanujo, fariĝis papa prelato. — August Winkler, sekretario de la Katolika Junmetiista Unuiĝo, kaj D-ro Else Peerenboom, sekretariino de la Katolika Junulina Asocio, fariĝis membroj de la parlamento (Reichstag).

### Por katolika universitato

Ĝis nun ne ekzistas en la tuta mondo katolika universitato germanlingva (nur en Fribourg, Svisujo, oni donas kelkajn prelegojn en germana lingvo). Pri la problemo, ĉu la nuna situacio en Germanujo, kie la katolikoj vizitas la neŭtralajn universitatojn kaj kie tiuj havas ŝtate rekonitajn fakultatojn pri katolika teologio, estas preferinda al kreo de specialaj katolikaj universitatoj, la opinioj povas esti malsamaj. Sed interkonsento devus ekzisti pri tio, ke estus dezirinde, havi almenaŭ unu katolikan universitaton *apud* la ŝtataj kaj urbaj institucioj. La katolika gazetaro, same la grandaj ĉiutagaj jurnaloj kiel la revuoj, en la lasta tempo denove diskutis la problemon. I. a. oni proponis, krei katolikan liberan universitaton en Rejnlando. Tamen ĝis nun la sola praktike preparita projekto estas tiu de la revivigo de la « Alma Mater Salisburgensis », de la Katolika Universitato de Salzburg (Aŭstrujo). Tie nun jam ekzistas Akademio gvidata de Benediktanoj kaj sub patroneco de la tuta Benediktana Konfederacio. Jam ekzistas komitato enhavanta riprezentantojn de la germana kaj aŭstra episkoparo kaj de katolikaj laikaj gvidantoj. Oni komencis ankaŭ la publikigadon de tre gravaj sciencaj verkoj sub la titolo « Salzburger Abhandlungen », por prepari kaj disvastigi la ideon de katolika universitato.

### Pri Japanujo — kaj pri Oomoto

La tria volumo de la nomita kolekto de Salzburgaj universitataj publikigaĵoj antaŭ nelonge aperis : Thomas Ohm, O. S. B., Kulturoj, Religioj kaj Misioj en Japanujo (Thomas Ohm, O. S. B., Kulturen, Religionen und Missionen in Japan, kun 1 kolora bildo kaj 39 ilustraĵoj, 216 paĝoj, tolbind. 10.— RM, D-ro Benno Filser Verlag, Augsburg). Jen, kion la aŭtoro skribas pri la stranga sekto Oomoto, kiu ja ankaŭ en Eŭropo nun « misiadas » kaj en granda mezuro uzas Esperanton : « Dum la lastaj jardekoj, speciale en la jaro 1921, multe bruadis japana sekto, nome Omoto-kyô, t.e. "la doktrino pri la granda origino". Ĝenerale oni ĝin kalkulas inter la ŝintoistaj sektoj, sed oni ankaŭ povas ĝin konsideri speciala religio. Omoto-kyô kavas evidente sinkretisman karakteron kun panteista nuanco. Ŝintoistaj, budhistaj, taoistaj kaj kristanaj elementoj estas en ĝi intermiksataj. La fondintino de tiu religio, propagandita depost ĉ. 1892, estas malklera kaj ekstaza virino nome Deguĉi-Nao (1836-1918). Dank' al treege fervora propagando tiu sekto forte disvastiĝis. Ĝi volas fariĝi la religio de Japanujo, eĉ de la tuta mondo. Tute moderne ĝi ankaŭ prenis en servon de sia propagando la Esperantolingvon. Ankaŭ en Germanujo oni varbis por la sekto. En Japanujo mem ĝi estas, ĉar politike suspekta, malpermesita. Preskaŭ ĉiuj ĝiaj sanktejoj estas detruitaj en la jaro 1921. Ĝiaj gvidantoj estas enkarcerigitaj. Tamen la sekto per tio tute ne estas detruita... »

### Germanaj verkoj en Japanujo

En n-ro 1 de *Katolika Vivo* mi raportis pri la statistiko de japanaj tradukoj el la germana literaturo kaj ĝiaj pensigaj rezultoj. Tuj poste mi legis en *Heroldo de Esperanto* (19 decembro) anoncon de Japana Esperanto-Asocio, en kiu estas serĉataj Esperanto-tradukantoj por 14 germanaj verkoj. La elekto estas preskaŭ la sama kiel en la donita statistiko. Oni bezonas nun Esperanto-tradukojn de Marx, Engels, Toller, Schnitzler, Wedekind, ktp. El la 14 dezirataj verkoj neniu estas klare kristana, 3 estas marksistaj, 2 kontraŭkristanaj, 3 malmoralaj, nur 5 estas laŭ mia opinio rekomendindaj...

Wilhelm Solzbacher.

## Katolika Vivo en Polujo

**La Internacia Eŭkaristia Kongreso okazos en Polujo**

La *Acta Apostolicæ Sedis* publikigis leteron de Lia Papa Moŝto al la polaj Kardinaloj Hlond, Ĉefepiskopo de Poznan-Gniezno, kaj Kakowski, Ĉefepiskopo de Warszawa, en kiu la Sankta-Patro sciigas, ke la sekvonta Internacia Eŭkaristia Kongreso estas okazonta en Polujo, « ĉar prave povas la pola lando fieri pri siaj specialaj historiaj memorajoj kaj pri sia eksterordinare fama honoro al la sankta Eŭkaristio ».

Laŭ sciigo de KAP, la impona Kongreso okazos en Poznan. Lia Kardinala Moŝto Primato Hlond jam estas organizanta Komitaton, konsistantan el riprezentantoj de ĉiuj pollandaj metropoloj, kiu estas plenumonta la preparajn laborojn al tiu grandega Kongreso.

**Polujo ricevis duan riprezentanton en la Komitato de la Internaciaj Eŭkaristiaj Kongresoj**

Konsiderante proponon de la Pola Episkoparo, la Komitato de la Internaciaj Eŭkaristiaj Kongresoj, kunveninta en Parizo la 18 novembro, akceptis per unuanima decido Grafon Adolfon Bninski kiel ano de la Komitato. Per tio ricevis Polujo, kiun riprezentadis ĝis nun Princo Paŭlo Sapieha, duan riprezentanton en la Komitato.

**Misiaj prelegoj en la pollandaj radio-stacioj**

Pro iniciato de la Direkcio de Misiaj Unuiĝoj en Warszawa, estas disaŭdigata per la radio-stacio Warszawa kaj kune per ĉiuj aliaj pollandaj radio-stacioj serio da misiaj prelegoj.

**Ĉefinstituto de la Katolika Agado**

Laŭ dekreto de la 24 novembro 1930, Lia Kardinala Moŝto Primato Hlond kreis, en konsento kun la Pollanda Episkoparo, Ĉefinstituton de la Katolika Agado en Poznan, kiel landan centrejon de la tuta katolika movado en Polujo. La karaktero de la Ĉefinstituto estas tiu de eklezia jura persono. La Ĉefinstituo posedas sian specialan regularon, aprobitan de la Episkopara Komisiono por aferoj de la Katolika Agado.

Kiel prezidanto de la Ĉefinstituto la Episkoparo nomis Grafon Adolfon Bninski, kiel direktoron Pastron D-ron Stanislaon Bross. La funkcion de ĉefasistanto ekokupis Episkopo Dymek.

Depost januaro 1931 la Ĉefinstituto de la Katolika Agado eldonas monatan revuon *Ruch Katolicki* (Katolika Movado) kiel organo de la Katolika Agado en Polujo.

**Projekto de la nova Puna Kodo kontraŭ la kristana moraleco**

La Katolika Presagentejo KAP publikigas:

Laŭ artikolo 227 de la projekto unua de la nova Puna Kodo, koncerne la aborton estas punota per 5-jara malliberejo virino foriganta sian feton kaj same la persono, kiu kaŭzas la forigon. Al tiu ĉi artikolo de la punkoda projekto la kodifika Komisiono akceptis unuanime kaj aldonis dum ĝia dua legado jenan kompletigan decidon : « La kaŭzintoj de la feto-forigo ne estos punotaj, se tio estis farita de kuracisto pro konsidero al la sano de la patrino, pro bono de la familio aŭ pro aliaj gravaj kaŭzoj. » Pro tiu kompletiga aldono la art. 227 certigas nun plenan senpunecon pro feto-mortigo.

Ĉar tiela plena senpuneco pro feto-mortigo estas kontraŭa al la kristana moraleco, en la eparĥio Lwów okazis kunvenoj de la katolikaj Ligoj. La kunvenintoj faris unuanimajn rezoluciojn, postulante forstrekon de la menciita aldono al la artikolo 227 de la nova Puna Kodo kiel kontraŭa al la principoj de la kristana moraleco.

**Kontraŭreligia propagando en Polujo**

Laŭ sciigo de *L'Internationale Syndicale Rouge* estas aperonta depost januaro 1931 krom la jam ekzistantaj *Wolna Myśl* (Libera Penso), *Wolnomyśliciel* (Liberpensulo) kaj aliaj sendiaj gazetaĉoj nova pollingva monato gazeto s. t. *Ateusz wojujacy* (Batalanta Ateisto), destinita speciale por Polujo. La celo de tiu monata gazeto estas konatigo kun la kontraŭrevolucia rolo de la religio en la klasbatalo kaj socialista konstruo, disvastigado de la Marksa filosofio inter la laboristar, agado kontraŭ la « nacia ŝovinismo », ktp.

ANTONI TROSZYNSKI.

*NUNTEMPAJ RELIGIAJ ARTAĴOJ*

## Surmura mozaiko en Pariza preĝejo



Lasttempe Kardinalo Verdier, ĉefepiskopo de Parizo, inaŭguris surmuran mozaikon, kiu estis jus finita supre de la ĉefaltaro de novkonstruita preĝejo en Parizo, preĝejo Sankta-Francisko el Asizio.

La ikonografia temo elektita estis taŭga. La centron okupas granda kruĉifikso; la Kristkapo estas per nimbo ornamita kaj el ĉiu vundo eliras radioj; ambaŭflanke la Virgulino kaj sankta Johano en pli malgranda dimensio. Tiu krucifikso, elpensita laŭ Firenza stilo, laŭdire estas kopio de la fama franciskana krucifikso de la preĝejo Sankta-Damiano. Ĉe la piedoj de la Kristo troviĝas sankta Francisko el Asizio, etendante kaj kun la brakoj etenditaj, enprofundiĝanta en fervorega preĝado. Liaj manoj, piedoj kaj flanko montras la stigmatojn ricevitajn sur la Alvernmonto. Kontraŭe estas Sinjorino Malriĉeco, pale malgrasega, per ĉifonaĵoj vestita; ŝi tenas malfermitan libron, sur kiu oni legas: *Beati pauperes.*

Ambaŭflanke estas grupigitaj la sanktaj disĉiploj de sankta Francisko. Sankta Ludoviko, kiu estis Tri-Ordano, surhavas mantelon ornamitan per liliaj floraĵoj kaj portas la sanktan dornkronon, por kiun ricevi li konstruigis la tutmonde konatan Sanktan-Kapelon, kaj kiu estas nun pie konservata en la katedralo Nia-Sinjorino de Parizo. La franca reĝo estas simila al la portreto de la Franciskano itala Salimbene desegnita, kiu lin renkontis en Sens, la 16 junio 1248, en la ĝenerala monaĥa kunveno de la Franciskanoj kaj kiu lin priskribis jene: « La reĝo estis staturе kaj elegante maldika, korpe longa kaj malgrasa; tio bele konvenis al li. »

Sankta Elisabeto de Hungarlando estas reprezentita kun rozoj falantaj el ŝia mantelo; tio memorigas la poetan miraklon de la karitato. Sankta Klaro, per bruna monaĥa robo vestita, tenas hosti-montrilon, per kiu ŝi forkurigis mahometanojn sieĝantajn sian monaĥejon. Sankta Bonaventuro, surhavante ruĝan kardinalveston, tenas la libron de la Regularoj. Kadro de laŭrofolioj havas la surskribon; *Sancte Francisce, ora pro nobis.* Malsupre, en la anguloj, estas la blazono de Kardinalo Verdier kaj tiu de Markizo de Moustier, al kies malavareco oni ŝuldas tiun belegan verkon.

La komponajo estas la verko de tre juna artisto de la Belaj-Artoj : S-ro Karlo Bouleau, kiu estis elektita inter dek aliaj por ornami la preĝejon Sankta-Francisko, finkonstruistan de post nur kvar jaroj sub la gvidado de la arĥitekturistoj, S-roj Courcoux.

S-ro Bouleau, por pliprofunde penetriĝi per la franciskana spirito, konscie pilgrimis al Asizio kaj Ombrio, kie li rememoriĝis la *Poverello*'n; li estis reveninta kun tiu bela figuro de sankta Francisko, kiu estas la plej bone desegnita el la tuto. Verŝajne lin ankaŭ inspiris la belega statuo de sankta Francisko, verko de Germain Pilon, kiu troviĝas en alia preĝejo de Parizo.

La efektivigo de tiu grava mosaiko estis farita de la Fratoj Mauméjan, jam fame konataj pro la kupola mozaiko de la baziliko Plejsankta-Koro de Jesuo en Montmartre, Aldiru, ke taŭgaj elektraj lumprojektiloj perfekte lumigas kaj valorigas la mozaikon.

Jen moderna verko certe tre bela, kiu inspiriĝis de antaŭaj pentraj skoloj. Kelkaj verŝajne tion al ĝi riproĉos, ĉar oni opinias ke moderneco postulas strangajn desegnajojn. Sed ĉu tio estas vereca ?

EDUARD BOISSOLLE.

## Morto de sindonema misiisto

*Tokio (Japanujo).* — Laŭ la deziro de la mortinto, la korpo de Pastro Lucien Drouart de Lésey, de la Societo por Fremdlandaj Misioj de Parizo, direktoro de la leprulejo de Koyama, en la provinco de Shizuoka, estis enterigita en la tombejo de la kompatindaj lepruloj, kiujn dum multaj jaroj li estis fleginta.

Telegramo de la Imperiestrino Patrino kaj ĉeesto de la eklezíaj kaj civilaj aŭtoritatoj dum la funebraj ceremonioj estas evidentaj pruvoj pri la estimo kaj respektego al la mortinto. Msro Chambon, ĉefepiskopo de Tokio, kantis la meson, kiun ĉeestis la Papa Delegito, Msro Giardini, riprezentantoj de diversaj misiaj Ordenoj kaj Kongregacioj kaj multnombraj katolikoj. Antaŭ la absolvpreĝo, Pastro Candau, superulo de la Supera Seminario, diris kelkajn konsoligajn parolojn al la lepruloj, kiuj ploris tiun, kiun ili povis nur nomi « sian patron ».

La ĉefepiskopo de Tokio kaj speciala sendito de la Ministerio por Enlandaj Aferoj eldiris paroladojn. Kelkajn funebrajn parolojn diris ankaŭ la Prefekto de Shizuoka, riprezentanto de la Ĝenerala Konsilantaro, riprezentanto de la Centra Oficejo por bonfaraj entreprenoj, urbestro de Koyama kaj protestanta Pastro.

Pastro Drouart de Lézey naskiĝis en Dunkerque (Francujo) en 1849. Li forveturis Japanujon en 1878. Sinsekve li estis profesoro ĉe la Seminario de Tokio, misiisto en la Sado-insulo, kie li fondis la unuan misiejon. En diversaj postenoj li estis tre agema partiano de la gazetara apostolado. Li verkis tre multajn artikolojn kaj rimarkitajn broŝurojn, el kiuj unu « La Fontoj de multaj de la Vero » estas ankoraŭ tre ŝatata de multaj Japanoj. Li ankaŭ dejoris en la misiejoj de Sekiguchi, Nijgata, Sandai kaj Kofu. Poste li revenis Tokion.

Sepdek-jara li estus prave dezirinta ripozon, tamen li ĝoje akceptis la direkcion de la leprulejo de Koyama, kie dum dekdu jaroj li sindoneme sin oferis al tiu apostolado. La tagon antaŭ sia morto, li ankoraŭ mendis al arĥitekturisto novajn planojn por pligrandigo de sia establajo.

En aŭgusto 1930, jam morte malsana, li ricevis de la Japana Imperiestro la Ordenon por la Merito.

(*Gazet-Agentejo « Fides ».*)

## EL HINDUJO

**Konferenco de hindaj katolikoj pri la nuna tiea situacio**

El Madras venis informo pri konferenco de katolikoj el la tuta Hindujo; ĝi okazis, la 15-17 aŭgusto 1930, en Mangalore.

Estis priparolita komuna agado, per kiu povos esti ĉe la registaro prezentitaj la postuloj kaj deziroj de la katolika loĝantaro. Kunvenis 50 delegitoj el 22 eparĥioj kaj el 10 katolikaj organizajoj. La prezidon havis advokato Reo Bahour, unu el la plej estimataj katolikaj gvidantoj de Mez-Hindujo.

Al Lia Papa Moŝto Pio XI-a kaj al Lia Reĝa Moŝto Eduardo VII-a, reĝo de Anglujo kaj imperiestro de Hindujo, estis sendataj fideljuraj telegramoj.

La postuloj al la registaro estis jenaj :

Partopreno de katolika riprezentado en la konferenco pri Hindujo okazonta en Londono, — akcepto de leĝaj garantioj pri libera praktiko de la katolika religio en la nova hinda konstitucio, — aprobo de la kanona juro, — libereco por malfermi kaj subteni katolikajn lernejojn, — riprezentado de la katolikoj en la konsilantaroj tiel leĝdona kiel ankaŭ lokaj.

**Du oficoj komisiitaj al katolikaj personoj en Bombay**

F-ino Ida Dickinson estas elektita kiel membro de la leĝdona konsilantaro. Ŝi estas la unua virino, al kiu tia ofico estis komisiita. Veninte el Anglujo al Bombay, ŝi dediĉis sin al sociala prizorgo kaj al batalo kontraŭ prostitucio.

Siavice, D-ro Pinto estas elektita kiel direktoro de la higiena, porpopola ofico. Li estas la unua Hindo, al kiu estis komisiita ĉi tiu tre respondeca ofico.

**Pri fame konata, pastra scienculo**

R. P. Mattam, hinda pastro de la kolegio Sankta-Johano-Berĥmans en Changanacherry (Travancore), estas elektita membro de la reĝa societo pri Afriko, de Britlando kaj Irlando. Laŭ la *Catholic Leader*, li estas verkinto de dekduo da libroj. Li gvidas du gazetojn kaj publikigas tre ŝatatajn artikolojn en diversaj hindaj jurnaloj. Li estas ankaŭ membro de kelkaj unuiĝoj de profesoroj en Hindujo.

**Patrina hejmo en Dakka, Bengala distrikto**

Du katolikaj kuracistinoj misiaj el Washington, Fratulinoj Letitia kaj Helena, lasttempe malfermis patrinan hejmon en Dakka. La fondiĝo estis ebla pro korporacio de prizorgo pri patrinoj. La nova hejmo estis destinata por flegado al naskintinoj kaj edukado de novaj akuŝistinoj.

La proksimuma nombro de naskoj en Dakka altiĝas nun pojare al 4.000.

La civilaj estraroj akceptis plej afable la du kuracistinojn.

**59 gereligiuloj en unu paroho**

El Panjampani, misia paroho kun malpli ol 10.000 loĝantoj, en la eparĥio Trichinopoly, la Eklezio kalkulas 43 religiulinojn; 39 el ili estas aninoj de la enlanda kongregacio de la Senmakula Konceptulino. Tie ankaŭ fariĝis unu pastro de la Societo de Jesuo kaj 10 laikaj fratoj, el kiuj 7 estas en la Societo de la Plejsankta Koro de Jesuo. Krome estas 5 seminarianoj.

Pleje ĉi tiuj vokadoj en la sanktejon ebliĝis pro senlaca fervoro de R. P. Larmey, S. J., paroĥestro de Panjampani dum 25 jaroj, kaj de lia kateĥisto, kiu poste pastriĝis.

Nuna estro de tiu paroĥo, konsistante el 18 vilaĝoj kun 9 kastoj, estas R. P. Cere, S. J. Al lia prizorgo estas komisiitaj 9.785 animoj katolikaj.

**Pri granda preteco por Katolikismo**

R. P. Calderaro, el Avutapalli, Kistna-distrikto, skribis i. a. al la kongregacio « Reĝino de la Apostoloj » en Wien :

« La konvertiĝoj de idolanoj estus multnombraj, se ni havus la necesajn rimedojn financajn. Nuntempe, pro manko de mono, apenaŭ estas eble teni la nunan staton. Sole el ĉi tiea distrikto, 100 vilaĝoj sendis petskribajojn pro instruado kaj baptoj. Ilia nombro de animoj estas ĉirkaŭ 7.000. Kateĥista salajro sumiĝas pojare je 100 rupioj. »

ALOIS KOUDELKA.

(Laŭ *Licht und Liebe*, Wien.)

## Episkopaj voĉoj super la landlimojn

Antaŭ nelonge, la balotoj en Germanujo kaj la militemaj manifestadoj de la Hitler'anoj en la Rejna Regiono maltrankviligis multajn amikojn de la paco, precipe en Francujo. Kiam ni legis la gazetojn pri ĉio-ĉi, io premis nian koron; ni demandis al ni, ĉu la paco jam forflugis, ĉu ni revidos la terurajojn de la milito, ĉu la kristana paca idealo estas nur utopio, ĉu denove ni devos militi kontraŭ fratoj niaj en Kristo?

Sed el Mainz, voĉo supreniris, voĉo klara kaj serena, kiu plene forigis nian malkvieton; ĉiuj katolikoj en la mondo povas danki al Msro Hugo, episkopo de Mainz, pro liaj vortoj, ĉar tiuj vortoj efike agis por la paco.

Ŝajnis al ni interese kompari kion diras pri la sama temo — la troigoj de la naciismo — Msro Hugo, germana episkopo kaj Msro Duparc, franca episkopo de Quimper.

Tiuj du paroloj de Doktoroj de la Eklezio montras, unu fojon plue, ke la katolika doktrino estas diversloke la sama.

**Eltirajo el la letero de Msro Hugo** *pri sintenado de la katolikoj kontraŭ la socialist-partio (30 septembro 1930).*

En la paragrafo 24-a de la programo de la socialist-nacia partio, oni legas: « Ni ege postulas la liberecon por ĉiuj religioj, sed nur tiam kiam ili ne atakas la moralan kaj disciplinan senton de la germana raso. » Ni demandas: Kio estas la morala kaj disciplina sento de la germana raso? La morala leĝo de Kristanismo baziĝas nur sur la amo al proksimulo. La naci-socialistaj verkistoj ne akceptas tiun leĝon sub la senco instruita de Kristo: ili predikas la gloradon de la germana raso kaj la malestimon de la fremdaj rasoj. Tiu malestimo, kiu kondukas ĉe multaj al ega malamo de la fremdaj rasoj, estas nek kristana, nek katolika. La morala leĝo de Kristo estas universala; ĝi valoras por ĉiuj tempoj kaj por ĉiuj rasoj: grava eraro estas kiam oni postulas ke la kristana religio adaptiĝu al la morala kaj disciplina sento de germana raso.

★

**Eltirajo el la letero Paska de Msro Duparc** *pri la troigoj de la naciismo (marto 1928).*

La patriota sento estas prefero kaj nur prefero; la naciismo, kiun ni malaŭdas, estas tute malsama: ĝi troigas la rajtojn, la povojn de la patrujo, de la nacio, de la ŝtato; ĝi ŝanĝas la econ de la patriota sento; ĝi ne vidas en tiu sento, aron da agrimedoj por homoj kaj kolektivoj, sed nur celon sub kiu ĉio alia devas submetiĝi. Ĝi faras tiun senton falsa dio, kiu postulas viktimojn kaj oferojn. Ĉu vi ne aŭdis pri la « religio de la patrujo », pri la « kulto de la patrujo »? Ĉu vi ne scias ke en la tempo kiam la kulto de la vera Dio estis forigata, oni starigis altarojn por la patrujo, kaj sur tiuj altaroj oni metis oferojn!...?

Tiu troa amo de sia lando kondukas al la plej aĉaj ekcesoj, ekster la lando kaj en la lando.

1-e *Ekstere*, ĝi estas egoisma kaj atakema. Anstataŭ akcepti la principojn de la natura kaj kristana juro pri justeco, pri frateco, kiuj devas formi la bazon de internaciaj rilatoj, ĝi havas kiel unikan celon, la nacian profiton. La devizo estas: « Tie, kie povas esti nacia profito, mi ne plu konas rajton. » Ĝi malestigas la originan egalecon de la diversaj popoloj, konsiderante la aliajn kiel malsuperan rason. Ĝi ne timas subpremi ilian rajton kaj detrui ilian entreprenon por sukcesigi la propran.

Oni povas pluen iri sur tiu-ĉi aĉa vojo: oni sin konsideras kiel elektitan popolon vokatan pro la supereco de sia inteligenteco, de sia karaktero, de sia civilizacio por regi la aliajn popolojn, por konduki la reston de la homaro, por teni la homan genton en daŭra submetiĝa stato, trudante al ĝi vole nevole sian idealon.

El ĉio-ĉi naskiĝas konkuroj, malamoj, koleroj kiuj atendas nur oportunan okazon por eksplodi. El ĉio-ĉi naskiĝas tiu stato de « milita paco », kiu eble estas neevitebla malbono, sed kiu tamen pezas forte sur la buĝetoj de la popoloj kaj montras al la plej sinceraj amikoj de la paco en la mondo, ke en la nuna stato de la mondo, la plej supera rimedo por estri la internaciajn konfliktojn estas nur forto kaj atenco.

Ĉu la Ligo de Nacioj sukcesos anstataŭigi la perfortan agadon per la rajta agado? Ĉu almenaŭ parte? Ĝiaj amikoj petas ke oni fidu al ĝi; aliaj, vidante kelkajn malsukcesojn, dubas pri la efikeco de ĝiaj rimedoj. Volonte, ni estas kun tiuj kiuj esperas, sed ni diras kune kun unu el la majstroj de la kristana pensado, kiu studis la funkciadon de la nova institucio en ĝia propra ejo: « Se ĝi volas akiri la aŭtoritaton kiu estus necesa, se ĝi volas fari potencan kaj daŭreblan verkon, se ĝi volas doni bazon pli solidan al la nesolida konstruajo de la internacia paco, estus necese ke la Ligo de Nacioj havu, sub iu ajn formo, la kunlaboradon ageman de la granda morala potenco, konstruita sur la roko kaj kiu transdonas al la mondo la instruon de Kristo, kiu diskonigas al ĉiuj la eternan senditajon: la dia paco.

2-e *Interne*, tiu naciismo estas despota kaj absoluta. Por ĝi, nenio estas super ŝtatigita nacio. La ŝtato, kiu nature devus servi la interesojn de la civitanoj, konas jam nur siajn proprajn interesojn. Ĝi ne plu havas devojn: ĝi volas nur havi rajtojn. Historio vidigas al ni klare, ke ĝi submetigas ĉiujn sub la fera jugo de kolektiva tiraneco.

Ĉu la devoj de la Ŝtato estas: fari leĝojn kaj nepre postuli ke oni obeu ilin. Sed la leĝo devas esti justa, kaj konsekvence, ĝi devas esti farata por la komuna bono, ĝi devas konformiĝi je la eternaj leĝoj; plue, kiam ĝi regas kristanojn, necese estas ke ĝi ne estu kontraŭa al la instruoj de la Evangelio aŭ al la ordonoj de la Eklezio.

Jean Duffaud.



## Kongreso de la Internacia Framasona Ligo

*La Pola Katolika Presagentejo KAP skribas jenon:*

La lasta kongreso de la Internacia Framasona Ligo, kies sidejo troviĝas en Wien, okazis en Genève en ĉeesto de multnombra partoprenantaro. Depost la kongreso en Wien starigitaj estas multaj landligoj. La plej juna el ili estas la grupo en Palestino; ĝia striĝo pruvas la intensiĝon de la judaj influoj en la framasonaro.

Dum la kongreso laboris diversaj faksekcioj, i. a. kuracista sekcio, kiu debatadis pri problemoj de la populara politiko. Alia temo de la debatoj estis batalo kontraŭ la narkotajoj. Estonte havos ĉiu landligo specialan kuracistan fakon, kiu prezentados ĉiujare raporton pri siaj agoj al kongreso de konvena internacia institucio.

Scienca sekcio priokupadis sin pri framasonaj historiaj esploroj kaj pri la fondo kaj subteno de framasona akademio en Praha. Grandan intereson vekis la debatoj de la sekcio de pacamikoj, kiu faris postulon, por ke la framasonaro fariĝu centro kristaligonta la tutan pacifistan movadon.

Kontraŭe al la ĝisnuna situacio, la prijunulara sekcio ne povis ĉi-foje montri specialan progreson. Framasonaj junulorganizajoj ekzistas en Aŭstrujo, Francujo, Hollando, Polujo, Svisujo kaj Ameriko. Koncerne al la rilatoj de la Ligo kun Ameriko, estas ĝisnune nur oficiala kontakto inter ili. La grandaj framasonaj junularasocioj de Ameriko ne estas ankoraŭ aliĝintaj al la internacia unuiĝo de framasona junularo. Raportis pri siaj laboroj ankaŭ la sekcio de jurnalistoj kaj verkistoj kaj sekcio de bibliotekistoj.

En sia referato pri la defenda agado de la framasonaro, Redaktoro D-ro Lenhoff, el Wien, ekakceptis, ke ĝenerale la gazetaro akceptas gravajn materialojn havigatajn al ĝi pere de la framasonaj gazetoficejoj. Ĉi tio estas nova pruvo, ke ankaŭ la katolika gazetaro devas pli ege ol ĝisnune okupi sin pri defenda agado antaŭ la loĝioj.

Antoni Troszynski.

## Kontraŭkatolika agado en Litovujo

Oni scias, ke, de post kelkaj jaroj, diktatoreco regas en Litovujo. La Parlamento estis fermita. Sub la senkolora prezidanteco de S-ro Antanas Smetona, la nacia partio, kun Profesoro Augustinas Valdemaras, kaj poste kun S-ro J. Tubelis, uzas cenzuron, monpunojn, malliberejon por kontraŭbatali la katolikan instruadon kaj la organizajojn de la Katolika Agado, tiel prosperajn en tiu lando, kie la katolikoj konsistigas la plej gravan parton de la loĝantaro.

Lasttempe perfortaj agoj kontraŭ la katolikaj verkoj kaj asocioj multobliĝis, malgraŭ bonega konkordato, subskribita la 27 septembro 1927 kun la Sankta-Seĝo, kaj oni povis antaŭtimi diplomatan rompon kaj foriron el Kaunas de Msro Bartolini, papa nuncio.



Msro SKWIRECKAS, ĉefepiskopo de Kaunas

Male de la artikolo 25-a de la Konkordato, laŭ kiu la litova Ŝtato « havigos tutan liberecon por organizado kaj funkciado de la asocioj, kies celoj estas ĉefe religiaj, kaj apartenantaj al la Katolika Agado, kaj kiel tiaj dependantaj de la episkopa aŭtoritato », tiu Katolika Agado estas vere kontraŭbatalata de la registaro.

La asocioj de la Katolika Junularo ne plu povas okazigi siajn ĉiujarajn kongresojn. Kelkaj gvidantoj de ĉi tiuj asocioj estis arestitaj kaj poste garantie liberigitaj.

Antaŭ kelka tempo, la prezidanto de la Katolika Junularo Universitata, S-ro J. Meskauskas, kaj la ĝenerala sekretario de la Katolika Federacio « Ateitis », S-ro J. Staupas estis forsendita en la faman koncentrigan malliberejon de Varniai. S-ro P. Karvelis, eks-ministro kaj unu el la katolikaj ĉefuloj en Litovujo, suferis saman sorton. Pastro Krupavičius, eks-ministro kaj influhava estro de la katolikoj, estis kondamnita ne eliri el lia residejo en Garliava. Dek aliaj personoj estis kondamnitaj de la registaro ĉu je granda monpuno, ĉu je kelkaj monatoj en malliberejo, nur pro religia motivo.

Parola kaj gazetara libereco praktike ne plu ekzistas, pro la persekuta agado de la registaro ĉefe kontraŭ la katolikoj. *(La Croix.)*

N. D. L. R. — Lasttempe Msro Bartolini, nuncio en Litovujo, alvenis Romon por paroli pri la religia situacio en tiu lando kun Lia Papa Moŝto.

### Irlandaj Pastroj kaptitaj de banditoj

Laŭ leteroj ricevitaj ĉe la Sankta-Kolumbana Kolegio en Navan, Irlando, oni scias ke la banditoj, kiuj kaptis Pastron C. Tierney antaŭ kelkaj semajnoj, kondutas sufiĉe bone kontraŭ li. Li estas en izola regiono, proksimume 30 kilometrojn de Kien-Chang, Kiangsi.

Alia letero de Pastro P. Laffan diras, ke li kaj Pastro Linehan esperas daŭrigi ilian misian laboron tre baldaŭ. Tiuj ĉi pastroj estas membroj de la Maynooth-Misio en Ĥinujo.

## Protestantoj kaj Katolikoj en Anglujo

Se la kontraŭkatolikaj antaŭjuĝoj pli kaj pli malaperas en Anglujo, kaj se kelkaj Protestantoj ŝajnigas iajn emojn « Romanigajn », tio ne signifas, ke Romo ĉesis esti la timego por la protestanta enloĝantaro. De post la festoj de la Emancipo, kiuj okazis en 1929 kaj evidente montris la forton kaj viglecon ĉi tie de la Katolikismo, malamo al la katolika Eklezio ŝajne retrovis novan reintensigon. Iuj sendube diros, ke tion kaŭzas troiga partio de Anglikanismo. Sed la oficiala Anglikanismo mem scias al ĝi alporti sian kunlaboradon kaj al ĝi doni sian aprobon pere de la atakoj, kiujn ĝi de tempo al tempo kaŝmalice direktas al Romo, pretekstante la plej grandan bonon de la Di-regno.

Tiel, lasttempe oni povis aŭdi la ĉefepiskopon de Cantorbery riproĉi, en ĉeesto de la Kunvokitaro, al la Sankta-Seĝo ĝian konduton rilate la demando de la reunuiĝo de la Eklezioj kaj lian malcedemon; li esprimis la esperon ke iam okazos en la katolika Eklezio mem movado por decidi la Papon al pli idelarĝaj pretendoj por la reunuiĝo.

Siaflanke la anglikana episkopo de Liverpool, D-ro David, konsentis sian patronecon al serio de paroladoj kontraŭ Katolikismo, faritaj en sia metropolurbo de iu D-ro Couldon, profesoro ĉe la Universitato de Cambridge, kies historia senskrupuleco multe singardemigas precipe kiam temas pri la katolika Eklezio. La tempo kaj la loko estis malbone elektitaj por tiaspecaj konferencoj. Oni scias ja, ke en Liverpool la katolikoj estas multnombraj kaj bataleme fervoraj.

Cetere, sekve de antaŭaj atakoj ripetitaj, la spiritinciteco estas sufiĉe grava. Tiele, ke por eviti ĉiun maltrankvilajon okaze de inaŭguro de monumento memoriga pri la mortintaj soldatoj dum la tutmonda milito, oni okazigis neniun Di-servon ĉe la monumento. Kaj D-ro David, en prediko la plej eble publikigita protestis tiuokaze kontraŭ la katolikoj, kiuj per sia tute malcedema rifuzo partopreni en protestanta Di-servo rompis la nacian kor-unuecon.

E. B.

## La katolika Eklezio en Usono

Laŭ statistiko de la jaro 1930, publikigita en la *Catholic Directory*, la katolika Eklezio kalkulas en Usono 16 ĉefepiskopojn, inter ili 4 kardinalojn, 102 episkopojn, 18.873 pastrojn, 8.052 monaĥojn kaj 20.078.000 fidelulojn. La nombro de preĝejoj kun konstanta pastraro estas 12.413, tiu sen konstanta pastraro 5.753. Pastraj seminarioj estas 135 kun 16.300 klerikoj; kolegioj porknabaj 219, porknabinaj 743, popollernejoj 7.225 kun 2.248.571 gelernantoj. Kiel konate, la katolikaj lernejojn finance subtenas tie la katolikoj mem. Orfejoj katolikaj estas 329 kun 51.523 geedukantoj; aziloj por gemaljunuloj 143, hospitaloj 624. Dum la jaro 1929 konvertiĝis 38.232 homoj. Laŭ nombro da fideloj Usono okupas en la mondo la sepan lokon, kaj laŭ nombro da pastroj la kvaran. Meznombra pliiĝo de pastroj estis dum la lastaj jaroj 580-650 pojare.

Dank' al oferemo de la Usonaj katolikoj disvolviĝas bonege aro da katolikaj universitatoj, inter ili precipe la universitatoj de la Jezuitoj: Loyola en Chicago, Marguette en Milwaukee (5.008 studentoj), Fordham en New York (9.202 stud.), la universitato en Detroit (3.495 stud.); sekvas la universitatoj de P. P. Lazaristoj en Chicago (6.745 studentoj) kaj la universitato Nia-Sinjorino de P. P. de l' Sankta-Kruco en Fort Wayne (3.054 stud.). Krom tiuj ĉi ekzistas ankoraŭ multaj aliaj universitatoj katolikaj kun pli ol po 2.000 kaj po 1.000 studentoj. La scienca nivelo de ĉiuj katolikaj altlernejoj en Usono estas tre alta.

En la nordamerika Unuiĝo floras ankaŭ la monaĥa vivo. Troviĝas tie proksimume 80 monaĥejoj kaj kelkcent da monaĥinejoj. La monaĥoj okupiĝas pri animgvidado, junularedukado, instruista laboro kaj gvidas spiritajn ekzercojn kaj misiojn. La Fratulinoj dediĉas sin antaŭ ĉio al malsanulflegado kaj edukagado. Tre multnombraj estas la monaĥejoj de la PP. Benediktanoj.

La disvolvo de Katolikismo en Usono montriĝis precipe dum la lasta jardeko, kaj ne nur laŭ ĝia nombro, sed ankaŭ laŭ la ekfloro kaj pliprofundiĝo de la religia vivo. La preĝejoj estas ĉiam plenplenaj, kaj la nombro de la komuniiĝantoj kaj spiritekzercaj partoprenantoj kreskas pli kaj pli.

Antoni Troszynski.

## Letero el Nederlando

### Pri blasfema radio-parolado

En antaŭa letero, kiam ni skribis pri la blasfema artikolo okaze de Kristnasko en la komunista gazeto *De Tribune* (La Tribuno), ni eligis la plendon, ke ni ne povis imagi, malgraŭ la preslibereco, ke kristana registaro ne agadas kontraŭ tiaj publikigoj. La 28 januaro la katolika gazetaro publikigis dezirresprimon, kiun la ĉefestraro de la Federacio de Virinligoj en Nederlando, (kiu kalkulas kune kun la aliĝintaj unuiĝoj 50.000 membrojn), sendis al la katolika Ministro de Justeco, en kiu tiu ĉi ligo postulas pluan aldonon al la leĝaro, por ke fariĝu punebla tiu ĉi « krude ofendiga formo kaj por kristana nacio netolerebla maniero de opiniesprimado. »

En tiu ĉi rilato ni povas informi ke en diversaj urboj la estraroj de la publikaj neŭtralaj bibliotekoj pro la lasttempa, ribela kaj vere soveta karaktero de tiu ĉi gazeto (je la ordono de Moskvo ?) jam eligis ĝin el la publikaj legosalonoj.

### La katolikoj kaj senlaboreco

En Amsterdamo malfermiĝis la 26 januaro la unua katolika hejmo por senlaboruloj.

Tiu ĉi hejmo estas unu el la rezultatoj de la antaŭ du monatoj starigita komitato por la kontraŭbatalo de la senlaboreco. Kiel celojn tiu ĉi komitato akceptis : la prizorgadon de daŭra kontakto inter la senlaboruloj kaj la registaro ; la plivastigon de la laborebleco ; kaj la antaŭgardado de la malmoraliga influo de longtempa senlaboreco.

Precipe por tiu ĉi lasta celo la supre citita hejmo fariĝis necesa. Ĝi ja devas antaŭveni la sencelan iradon tra la stratoj kaj la funestajn sekvojn de daŭra senlabora sidado en propra domo.

Rektoro Bots, kiu per amika vorteto malfermis la Amsterdaman hejmon deklaris : « Ni malfermas instituton, kies plej baldaŭan fermadon kaj ĉesigon ni samtempe elkore esperas. »

La hejmo estas vizitebla por ĉiu katolika organizita senlaborulo (la nombro de tiaj jam superis 300 kaj ankoraŭ ĉiutage kreskas) kaj por ĉiu neorganizita pere de introdukcio. La hejmo enhavas salonojn por kunvenoj kaj agrablan legosalonon kaj restadejon, kie kafo kaj teo estas senpage disdonataj.

Ankaŭ en Utreĥto samcela komitato jam stariĝis kaj hejmo estos malfermita se eble ankoraŭ antaŭ la grandaj fastoj.

En aliaj urboj kaj regionoj la dato de la senlaboreco ne estas pli bona... kaj la fino ne estas videbla en ĉi tiu momento.

### Kontraŭ pornografio

Per ministra dekreto Justecministro Donner, fine de la antaŭa jaro, ordonis al la policaro pli intencan agadon kontraŭ pornografio.

La sama dekreto starigis specialan konsilantaron por tiu ĉi afero. La t. n. neŭtrala kaj parte la liberala gazetaro mokis la ministron kaj la konsilantaron kaj penis kaŝi sin malantaŭ la « grandliterita » Arto. Eble ĝi vidis malantaŭ tiu ĉi ministra gesto la kristanan moralon, kiu ja devas esti forigata ! Nia nederlanda loĝantaro povas trankviliĝi, ĉar oni jus elektis « Miss Holland 1931 ».

La « viktimo » de tiu ĉi komedio estas ankoraŭ studantino de Supera Lernejo. La sama neŭtrala gazetaro pompe kaj « delikate » ĝuigas nin de ĉiuj haveblaj kaj nehaveblaj detalaĵoj de tiu ĉi belecreĝino kaj tiamaniere demonstracias la normojn sur morala tereno, laŭ kiuj ĝi volas konduki la mondevolucio ! Ni naŭzas ! Punkto !

J. H. Westen.

## Paca oazo en la revolucia Ĥinujo

*Tientsin, Ĥinujo (Agentejo " Fides ").* — Trankvile daŭre estas en la vikariejo de Tientsin. Ŝajnas ja, ke la novaj regantoj venintaj el Manĉurio firme volas ĝin teni kaj energie regi por la komforto de ĉiuj. Tiele, iom post iom ĉio organiziĝas. Impostoj estis forigitaj, ĝendarmoj aŭtomobile kontroliras ĝis en la plej malproksimajn kamparojn, ĉu por kapti banditojn, ĉu por forpuŝi ilin en aliajn regionojn. La trajnoj ekfuncias regule. La enloĝantaro, kia ajn estas ĝia religio, opinias sin feliĉa pro tiuj ĝojigaj ŝanĝoj kaj la misiistoj antaŭvidas facilecon por sia predikado.

La apostola vikariejo de Tientsin estas situata en la provinco de Ĉe-Li, sud-oriente de Pekin. Tie dejoras Lazaristoj sub la gvidado de Msro de Vienne. Ĝi enhavas 45.424 katolikojn, el tuta loĝantaro de 2.500.000.

# Informoj el Ĉeĥoslovakujo

### Katolika karitato en Praha

En nuntempa malfeliĉa ekonomia krizo, kaj el ĝi devenanta senlaboreco, oni ĉiuforte serĉas rimedojn por mildigi la mizeron, des pli frapantan precipe la plej malriĉulojn.

Kaj jen nun, oni tamen rekonas la bonfaron, kiun al la miloj da homoj faras ĉe ni la katolika karito.

En la kunveno de la komitato de ĉefurba komunumo Praha, dum la diskuto pri la buĝeto de la komunumo por 1931, ekparolis pri la ĉapitro « Sociala zorgo », katolika komitatano Pastro A. Fylínek, kiu konstatis, ke sumo 60.000.000 kč. por socialaj zorgoj de la komunumo por la jaro 1931, estas 11 % de la tuta financa bezono, kaj ke jus tiu ĉi ĉapitro donas tiom da perceptoj por pridiskuto.

En sia plua parolado li aludas, kion ĉefurba komunumo devas fari nun dum la kreskanta senlaboreco, kaj ĉe tio li konstatas, kiom kaj kiamaniere en tiu ĉi deviga sociala zorgo al ĉefurbo helpas la katolika karito — bonfara zorgo de la Katolika Eklezio, pri kiu dum la traktado de tiu ĉi ĉapitro, oni ne rajtas silenti. Jen oni rigardu la instituton « Vincentinum » por la nesanigeblaj malfeliĉuloj, prizorgatan per dudek fratulinoj, jen kion faras en Praha la « Konferencoj de Sankta-Vincento », Bonfaraj Fratuloj, Fratulinoj, Orfejoj. Plue kiom helpis al la ĉefurbo Paroĥestro Hofman per sia orfejo en Praha-XII, kaj ceteraj katolikaj orfejoj en Praha-IV, institutoj por kripluloj, blinduloj kaj surdmutuloj.

La samon oni povas diri pri monaĥejoj Emausy, ĉe Ursulinoj kaj ceteraj.

Katolika karito havas la devizon « En homo oni ekkonas Dion », kaj ni tute modeste povas konstati, ke katolika karito donas pojare al la bezonantoj en Praha 30.000.000 kč.

Daŭrigante li diris : ni ne volas diferencigi, sed kiel riprezentantoj de katolika popolo ni ne rajtas silenti, por ke ni montru, ke Katolika Eklezio en sociala zorgo ne malnoviĝas, sed ĝi estas societo tre viva, kaj al ĉiuj suferantoj kompatema.

### Jubileo de Premonstrata Abato

Sabaton 24 januaro festita de ĉiuj katolikoj de Praha estis la amata « blanka abato », Lia Moŝto Method Zavoral, kiu celebris la



Msro ZAVORAL, abato de Strahow

25 jarojn de sia abateco de Premonstrata monaĥejo « Strahov » en Praha. Estante ano de la Internacia Eŭkaristia Komitato, li multe laboras en tiu ĉi movado. Katolikoj en Praha kortuŝe gratulas al tiu ĉi arĝenta jubilanto, petante Dion, ke li benu lin en plua agado.

Fr. Kudrna.

### Morto de Msro D-ro Josef Gross, episkopo de Leitmeritz

La 20 januaro mortis en Leitmeritz (Bohemujo) la episkopo de la eparĥio Leitmeritz, Msro D-ro Josef Gross, la unusola germana episkopo en Ĉeĥoslovakujo. Li naskiĝis en jaro 1866 en Pfraumberg, urbeto ĉe la bohemo-bavara limo. La patro estis kamparulo kaj gastejestro. En jaro 1889 li estis presbiterigita. Li laboris unue kiel kaplano, poste kiel ĉefdekano en la industria kaj mineja urbo Falkenau, en Bohemujo. Tiutempe la eklezia situacio en Bohemujo estis tre malĝojiga : Unuflanke la social-demokrata movado, aliflanke la protestanta « For de Romo »-movado penadis ĉiel, forŝiri la katolikojn de sia eklezio. Gross estis unu el la unuaj pioniroj de la katolika movado inter la germanaj katolikoj, kiu haltigis la kontraŭkatolikan ofensivon. Li skribe kaj parole organizis ĝin kun aliaj, li fondis katolikajn unuiĝojn, ktp. En jaro 1910 li estis episkopigita. Ankaŭ en sia eparĥio li trovis malĝojigan religian situacion ; la norda parto de la eparĥio estis la centro de la teksaja industrio de la tiama aŭstro-hungara monarĥio. La laboristaro estis socialisme infektita, la burĝaj rondoj favoris la religian liberalismon aŭ batalis en la tendaro de la « For-Romuloj » kaj de la t. n. « malnovaj » katolikoj.

La situacio plimalfaciliĝis per la nesufiĉa nombro de pastroj kaj de inteligentaj katolikaj laikuloj. Giganta laboro atendis la novan episkopon. Sed kiel vera apostolo li neniam demandis : Kiom mi *devas* fari, sed nur : Kiom mi *povas* fari. Sur ĉiuj kampoj de la katolika agado, ĉu pormisia laboro aŭ enlanda Eŭkaristia movado, ĉu por la katolika organizado aŭ por la katolika gazetaro, ĉie li donis iniciaton kaj mem kunlaboris. Por tio lin kapabligis eminenta inteligenteco, entuziasmiga elokventeco kaj profunda kompreno por la sociala kaj religia mizero de nia epoko. Kiel ido de la laborantaj klasoj, li ĉiam konservis emon kaj amon por ili. Nur kelkajn semajnojn antaŭ sia morto, li, helpe de la « Katolika Agado » de sia eparĥio, organizis kaj ordonis en ĉiuj paroĥoj la efikan subtenadon de la senlaboruloj. Li estis konata vasten trans la limoj de sia eparĥio kaj tial meritas modestan lokon eĉ en nia *Katolika Vivo*.

### La Husismo maltrankviligita

La nomon de « Mistr Jan Hus », t. e. « Majstro Johano Hus » konas certe ĉiuj legantoj de ĉi-tiu gazeto. En jaro 1415 li estis en Konstanz kiel obstina herezulo forbruligita. Laŭ li sin nomis la Husanoj, kiuj en la jaroj 1419-1436, murdante kaj rabante, la landojn Bohemujon, Moravujon kaj Silezion kaj grandparte eĉ la ĉirkaŭajn landojn preskaŭ tute ruinigis. La armeoj de la ceteraj eŭropaj nacioj estis ĉiam venkitaj, sekve la nomo « Husanoj » estis tiutempe terurajo kaj eĉ post centjaroj timigilo por infanoj. Tion kaŭzis ne nur la ĉiamaj venkoj de la Husanoj, sed ankaŭ kaj precipe ilia krueleco. Post la fondiĝo de la ĉeĥoslovaka respubliko, la tago de la forbruligo de Hus, la 6 julio, estis proklamita ŝtata festotago. Certe multaj rigardas Hus nur kiel la unuan ĉeĥan patrioton, kiu vekis la nacian memkonscion de sia popolo, sed aliaj, kaj ili estas eble la plimulto, gloras lin kiel la nevenkeblan batalinton kontraŭ Romo. Kaj tiamaniere oni plejofte misuzas lian memortagon, por agiti en demonstradoj, publikaj paroladoj, ĵurnaloj kaj eĉ en la lernejoj kontraŭ la katolika Eklezio.

Kion kontraŭfaris la katolikoj, precipe la ĉeĥaj, ĉar inter la germanaj katolikoj la husana agitado ne ekzistas ? Oni festis la antaŭan tagon, la 5 julio, la feston de la slavaj apostoloj Cirilo kaj Metodo, kiu estas same ŝtata festotago. Sed nun prepariĝas multe pli efika atako kontraŭ la glorado de Hus, mi diras pli efika, kiel oni povas ekkoni el la maltrankviligo de la modernaj Husanoj.

Oni preparas al la beatul- respektive la sanktulproklamon de la katolikoj, mortigitaj dum la husanaj militoj pro sia katolika kredo. Oni volas al la unu ŝajna martiro Hus, kontraŭmeti la centojn kaj milojn da veraj martiroj, oni volas festi ilian memoron la saman tagon, la 6 julio ! Certe la plej efika kontraŭofensivo ! Ke ne nur legende, sed historie, fidelaj katolikoj de ambaŭ nacioj, pastroj kaj laikuloj, elverŝis sian sangon, ĉar ili ne volis apostatiĝi al la Husanoj, ke ili mortis unuope kaj are, eĉ centope kaj milope, ke mortis heroe kiel la martiroj de la kristana praepoko, tion montras kaj el fidindaj historiaj fontoj pruvas P. Augustin Neumann, O. S. A., el Brün (Moravujo), en sia libro ĉeĥlingva : « La katolikaj martiroj de la husana epoko ». Ekzemple, en la jaro 1421, la husanoj, sub la gvido de la malbonfama Jan Zizka de Trocnov, batalakiris la boheman urbon Komotau. Ili murdis la tutan katolikan enloĝantaron, proksimume du 2 1/2 milojn, kaj postlasis el la viroj nur 30, por entombigi la mortigitajn. Eĉ la virinoj, inter ili gravedaj, kaj virgulinoj, estis de la Husaninoj enŝlositaj kaj forbruligitaj ! Inter la ordenoj povas precipe la Dominikanoj kaj la Cistercianoj fieri pri martiroj el tiu epoko.

Jam en la jaro 1925, dum pastra kunveno de la eparĥio Brunn la suprenomita P. Neumann akcentis la gravecon de la kulto al la katolikaj martiroj el la husanaj tempoj, por malfortigi la kulton de Hus, kaj petis la ĉeestantajn episkopojn, Msroj Klein kaj Podlaha, ke ili kaj la tuta ĉeĥoslovaka episkoparo surprenu la taskon kaj akcelu ĉe la Sankta-Seĝo la beatulproklamon. La propono estis de ĉiuj entuziasme aplaŭdita kaj P. Neumann de la episkoparo komisiita, kolekti la necesan historian materialon kiel fundamenton de la proceso por beatoproklamo. Tion li faris tre lerte en sia jam dirita libro, kiu estas jam tradukita germanlingven. Ĉar, kiel skribis en la ĉeforgano de la germanaj katolikoj ĉilandaj, *Deutsche Presse,* la rektoro de la germana universitato en Praha, D-ro August Naegle, mem famkonata historiisto, ĉar la katolikaj martiroj de la husana epoko devenas el ambaŭ nacioj, ĉeĥa kaj germana, devas la tuta katolika enloĝantaro de la ŝtato, germana kaj ĉeĥa, laŭte kaj publike montri sian intereson je la beatulproklamo de siaj pro la katolika kredo martirigitaj praavoj kaj ne nur la laika kaj ordena pastraro, sed ankaŭ ĉiuj katolikaj ligoj kaj unuiĝoj ambaŭnaciaj devus en siaj kunvenoj kaj kongresoj voĉdoni ĉi-rilatajn rezoluciojn, tiamaniere subteni la entreprenon de la episkopoj kaj montri al la tuta mondo, ke la proceso por la beatulproklamo inter la katolikoj de la ĉeĥoslovaka respubliko havas laŭtan resonadon.

Karl Czech, *presbitero.*

## Tra la Katolikaj Asocioj

### La Inform-Servo de la N. C. W. C.

La *National Catholic Welfare Conference* (Help-Unuiĝo Katolik-nacia) estas amerika organizajo, kiu, sub la kontrolado de la episkoparo de Usono, celas rimarkindan verkon en ĉiuj terenoj de la katolika agado.

Unu el ĝiaj fakoj, la *News Service,* Inform-Servo por la katolikaj gazetoj kaj revuoj, lasttempe festis la dekan datrevenon de ĝia fondiĝo.

Estis ja en aprilo 1920, ke tiu servo estis fondita, kun varma aprobo de Papo Benedikto XV-a, kaj kiun redonis antaŭ kelka tempo Lia Papa Moŝto Pio XI-a.

Post tiu unua jardeko, la bilanco de la inform-agentejo saldiĝas per la plej kontentiga sukceso.

Tiu agentejo servas nuntempe 82 katolikajn ĉiutagajn aŭ semajnajn gazetojn en Usono, Kanado, Anglujo, Irlando, Italujo, Aŭstralio Ĥinujo, Okcidentaj Hindujoj, Nederlandaj Hindujoj, ktp.

Pri la fideco de ĝiaj informoj elokvente parolas la konstanta progreso de la diversaj ĵurnaloj. Tiele la eldonnombro de 29 katolikaj ĵurnaloj, kiuj utilas la inform-bultenojn de la *News Service* en Usono, sume de 260.034 ekzempleroj, en 1919, atingis, en 1927, 419.494 ekzemplerojn.

La valoro de tiu organizajo kuŝas precipe en ĝiaj multnombraj korespondantoj, loĝantaj en ĉiuj grandaj urboj en la mondo, kaj kiuj sendas ĉiam fidindajn sciigojn al la *News Service,* dank' al kies informado la katolika gazetaro en Usono kaj Kanado estas pli kaj pli grava.

## La katolikaj profesoroj en la Universitatoj de Germanujo

Jen tabelo montranta kiom estas da katolikaj profesoroj en la ŝtataj universitatoj de Germanujo.

| | Profesoroj, | el kiuj katolikoj, | t. e. | |
|---|---|---|---|---|
| Prusujo . . . . | 3.500 | 473 | 13,51 | % |
| Bavarujo. . . . | 665 | 223 | 33,53 | — |
| Saksujo . . . . | 608 | 31 | 5,09 | — |
| Baden . . . . . | 585 | 87 | 14,87 | — |
| Württemberg . | 291 | 22 | 7.56 | — |
| Hessen . . . . | 374 | 34 | 9,09 | — |
| Thuringe . . . | 177 | 13 | 7,34 | — |
| Braunschw. . . | 99 | 6 | 6,09 | — |
| Mecklenburg . . | 103 | 7 | 6,79 | — |
| Hamburg . . . | 299 | 14 | 4,68 | — |
| Entute. . . . . | 6.701 | 910 | 13,58 | % |

Do restas ankoraŭ multe da laboro !

Karl Kullmann.

## El malantaŭ la ruĝa limo

### Judoj en Sovetrusujo

Laŭ oficiala soveta statistiko, la bolŝeva Rusujo kalkulas nuntempe 2.800.000 judojn. El ili estas 21 % oficistoj, 25 % laboristoj, 21 % metiistoj, 12 % industriistoj kaj 8 % terkulturistoj. En la lernejoj havas la judoj 14,7 % da lernantoj en superaj teknikolernejoj, 17,7 % en superaj komercolernejoj, 15 % da studantoj en medicinaj fakultatoj, 11,5 % en pedagogiaj institutoj kaj 21,3 % da lernantoj en lernejoj de l' belarto.

Inter 417 anoj de la komunista partio troviĝas 127 judoj, inter 883 anoj de la ekzekutiva komitato de USSR 46 judoj kaj en la konsilantaro de popolaj komisaroj unu judo. En la armeoj surkontinenta kaj surmara estas 2 % da judoj. Tamen, ĉie okupas la judoj la gvidantajn postenojn.

### Malgraŭ persekutoj la sindoneco al la religio ne ĉesas en Sovetrusujo

Malgraŭ granda agitado flanke de la sendiuloj kaj persekutado de ĉiuj kredantoj en Sovetrusujo, tamen ne ĉesas la religia spirito de la rusa popolo. Forte ĝi restas en la koroj kaj montras ofte sian ekziston per granda forto. La sovetaj gazetoj publikigas ekz. faktojn, ke en la fervojaj laborejoj de Konotop la nombro de iu sektanaro pliiĝis rilate al la pasinta jaro je 23 %; en tiu sama loko okazas ofte kunvenoj por legi la Evangelion; en alia loko, Miŝerynsk, la religiaj festoj estas ĉiam solene okazigataj; eĉ en domoj de komunistoj kaj « komsomolanoj » troviĝas sanktaj bildoj, ktp.

La antaŭ nelonge al Finlando forkurinta ortodoksa pastro Solodnikow, priparolante la situacion en Sovetrusujo citas kortuŝite, kielmaniere la kredantaro de Petersburg nutras el sia eta havaĵo la pastraron, kiu — kiel konate — ne rajtas ricevi nutraĵon. Li atentigas ankaŭ je la malpermeso okazigadi publikajn diskutadojn pri batalado kontraŭreligia, ĉar tielaj diskutadoj finiĝis ĉiufoje per venko de la kredantaro. Karakteriza estas la okazintaĵo, ke la marista soldataro de Kronstad postulis sendi al ili du pastrojn. Kiam la pastroj alvenis al Kronstad, 5 miloj da maristoj ekportis ilin en triumfo. Pro la triumfo pagis poste unu el la pastroj per malliberejo, la alia per ekzilo. En Petersburg mem oni povas ofte vidi ĝis 10-milan popolamason, ĉeestantan Sanktan Meson ekstere de preĝejo, ĉar la preĝejo ne povas doni lokon al ĉiuj. La sama Solodnikow diris, ke li vidis amason de ekzilitoj al norda Rusujo, kiuj portis sur siaj brustoj blankajn krucojn kun la surskribo: « Ni suferas por la kristana kredo ». Iu el Rusujo forkurinta baptisto publikigis antaŭ nelonge en la socialista gazeto *Dni* leteron, en kiu li skribas i. a.: « Samtempe montriĝas granda sindoneco al Kristo. Estas kompreneble tiaj homoj, kiuj ne povas elteni la suferojn kaj cedas, sed ili ne estas multaj. La aliaj atendas kun fido la tagon, kiam la Sinjoro finigos iliajn mizerojn. »

ANTONI TROSZYNSKI.

## La plej malgranda preĝejo en la mondo

La amerikaj katolikoj pretendas posedi, en en la Iowa-ŝtato, la plej malgrandan preĝejon de la tuta mondo.

Tiu preĝejeto, kiu estas dediĉita al sankta Antonio de Padova, kuŝas en la urbo Festina; ĝi mezuras 14 futojn kontraŭ 20, t. e. 4 metrojn 20 kontraŭ 6 metrojn.

Ĝi estis konstruita de piaj pioniroj, kiuj tiele deziris montri sian dankon al Dio pro la sukceso de sia entrepreno. Ĝi estis dediĉita al sankta Antonio de Padova pro la speciala kultemo al tiu sanktulo de virino de unu el la pioniroj.

La preĝejeto situiĝas ĉe la bordo de la Turkey-rivero, kie ĝi estis konstruita, en 1849, unue per lignaĵoj, kaj post incendio en 1854, per ŝtonoj. Nur ok personoj povas eniri la preĝejeton, kie sankta Meso estas celebrata ĉiujare en la festtago de sankta Antonio de Padova.

*Por havigi freŝdatajn informojn al niaj legantoj, ni eldonis ĉi tiun numeron sur* **ok** *paĝoj. Rekompence vi varbu almenaŭ unu novan abonanton. Dankon!*

# NOVAĴOJ EL AŬSTRUJO

■ Por sistemigi la sporton kaj la gimnastikadon, la « Regna asocio de la katolika-germana junularo » decidiĝis, eldoni depost la 1 januaro 1931 propran fakorganon, nur por la 2.000 anoj de la Regna asocio kaj kiu nur kostas 10 groŝojn po monate. Ĉi tiu *Fachblatt für Turnen, Sport und Spiel* (Fakorgano por gimnastikado, ludo kaj sporto) aperas en la eldonejo de *Reichsbund*, Wien I. Per ĝi estas plenumataj la deziroj de multaj ĉefgimnastikistoj kaj gimnastikestroj. Ankaŭ al la grupoj de la « Deutsche Jugendkraft » (Germana Junularforto) la monata gazeto prezentas siajn servojn.

■ Komitato, kies ĉefo estas Princĉefepiskopo D-ro Rieder, invitis en alvoko la katolikoj de Salzburg, kiel kontribuo de la ĉefeparĥio al la *700 jarfesto de sankta Elizabeto* kaj samtempe je la 50-jara pastra jubileo de la Princĉefepiskopo ebligi per riĉaj donacoj la konstruon de Sankta-Elizabeto-preĝejo en nova antaŭurbo de Salzburg.

Sankta Elizabeto, landgrafino de Turingujo, naskiĝis en 1207 kiel filino de reĝo Andreo de



SANKTA ELIZABETO

Hungarujo, mortis la 19 novembro 1231 en Marburg. Elizabeto edziniĝis 1221 kun la landgrafo Ludoviko IV-a de Turingujo, kiu, depost ŝia plej frua infaneco, estis ŝia fianĉo. Pro ŝia grandega bonfaremo ŝi baldaŭ nomiĝis la « anĝelo de la Wartburg ». Ludoviko mortis dum krucmilitiro kaj ŝia bofrato Henriko Raspe forpuŝis ŝin el la Wartburg. Elizabeto fine trovis rifuĝejon por ŝi kaj ŝiaj kvar infanoj ĉe ŝia onklo, la episkopo en Bamberg. Kiam Raspe redonis al ŝi Marburg, ŝi tie vivis kiel bonfarantino, kiu donacis al la malriĉuloj ŝian tutan havaĵon kaj eniris la Trian Ordenon de sankta Francisko. Ŝia sarkofago staras en la Sankta-Elizabeto-preĝejo en Marburg. La 25 majo 1235 la Papo ŝin proklamis Sanktulino.

■ La 4 januaro nj. komenciĝis en orienta stacidomo en Wien ĉiudimanĉa Diservo por katolikaj ekskursantoj. La unuan meson celebris Kardinalo Piffl mem. La sciigon, ke en la stacidomoj de Innsbruck kaj Salzburg estas celebrataj Diservoj por pasaĝeroj kaj fervojistoj « ornamas » la socialista ĵurnalo de Graz *Arbeiterwille* ne nur per partipolitikaj atakoj kontraŭ la nova ĝeneraldirektoro D-ro Strafella, sed ankaŭ per malafablaj rimarkoj kontraŭ la pastraro. La *Diservoj en la stacidomo* en Salzburg, kiu ne estas *nova* enkondukaĵo, cetere estas celebrataj en la regiono de la bavara fervojadministrado.

■ La Unuiĝo de la pastroj de Salzburg turnis al siaj membroj alvokon al kolektado de donacoj por la senlaboruloj, kiu estigis belan sukceson. Kolektiĝis multe pli ol 3.000 ŝilingoj, kiuj estis uzataj por subteno de infanriĉaj familioj de senlaboruloj.

■ La 6 januaro estas en la eparĥio de Seckaŭ-Graz la festotago de la Sankta-Francisko Kzaverio-misisocieto kaj estas festata en la tuta Stirio per solenaj Diservoj, komuniado kaj misikunvenoj. Ankaŭ en Graz okazis post la antaŭtagmeza eklezia solenado, posttagmeze granda misiakademio en Rittersaal, en kiu, inter multaj eminentuloj, ankaŭ partoprenis Princepiskopo D-ro Pawlikowski. La festparoladon faris la ĝeneralsekretario de la misisocieto Msro Karl Drexler el Wien, kiu pruvis, ke ni, subtenante la katolikajn misiojn laŭ la deziro de la misipapo Pio XI-a, ankaŭ altiras la benon de Dio al nia patrujo.

■ En Aŭstrujo *la demando pri la festotagoj* ankoraŭ ĉiam ne estas ordigita unuece. Eĉ je altaj festotagoj, kiel estas Ĉieliro de Kristo, Korpo de l' Sinjoro, la festo de la Senmakula Koncipulino, multaj vendejoj estas malfermataj kaj eĉ malfacilaj strato- kaj konstrulaboroj estas farataj, kio ne laste estas kulpo de la kontraŭreligiaj influoj en la tielnomataj « liberaj sindikatoj », kiuj montriĝas ĉe la kontraktado pri kolektivaj kontraktoj inter dungitoj kaj dungantoj. La lasta aŭstra episkopa konferenco, kiu i. a. pritraktis la novan aŭstran kateĥismon kaj la fruan komuniadon de la infanoj, decidis intertrakti kun la kompetentaj rondoj por atingi en interkonsento kun ili kontentigan solvon de la demando.

■ La *Wiener Kirchenblatt* ĉiujare aranĝas por la katolikoj de Wien solenan *Eŭkaristian memorfeston* de la antaŭ 25, 30, 40, 50, 60, kaj pli jaroj akceptita unua sankta komunio. Ĉirkaŭ 1.000 kreduloj nunjare sekvis la inviton, inter ili du naŭdekjaruloj. Kardinalo Piffl celebris la solenan jubilean meson kaj disdonis, helpata de la episkopoj D-ro Kamprath kaj D-ro Seydl, la jubilean komunion.

■ Honore al la 175 naskiĝtago de W. A. Mozart, la 25 januaro nj. estis prezentata en la kapelo de la kortega kastelo Mozartmeso kaj okazis preĝeja koncerto en la katedralo Sankta-Stefano en Wien Tie okazis la gedziĝa ceremonio por la princo en la regno de la tonoj kaj Konstance Weber.

Wolfgang Amadeus Mozart naskiĝis la 27 januaro 1756 en Salzburg, kiel filo de la ĉefepiskopa vickapelestro Leopold Mozart, kaj mortis en Wien la 5 decembro 1791. Li estis muzikema mirakle frumatura infano, kun kiu la patro jam 1763 povis fari koncertvojaĝon al okcidenta Germanujo, Nederlando, Parizo kaj Londono. En Parizo aperis 4 violonsonatoj presitaj. En 1766 Mozart kreis sian unuan oratorion, 1768 estis prezentataj sia vaŭdevilo « Bastien kaj Bastienne » kaj sia unua meznokta meso, kaj 1769 Mozart fariĝis ĉefepiskopa koncertestro. 1769-71 entreprenis la patro kun li vere triumfan vojaĝon tra Italujo. Ĉar li malgraŭ la sukcesoj de la nova ĉefepiskopo de Salzburg li ne ricevis taŭgan postenon kaj ankaŭ ne plu forpermeson, li eksiĝis el la episkopa servo kaj denove faris



W. A. MOZART

vojaĝojn, sed ankaŭ ne povis ricevi postenon. Li ree provis en Salzburg, sed forlasis la urbon en 1780 definitive kaj iris Vienon, kie li nur en 1787 ricevis la oficon de imperiestra ĉambrokomponisto kun salajro da 800 guldenoj pojare. 1781 li kreis por la imperiestro la « Forkonduko el la serajlo », 1786 aperis la « Figaro », 1787 la « Don Giovanni », 1790, post vojaĝo al Postdam, kie Frederiko Vilhelmo II-a Mozart vane varbis por Prusujo, aperis « Cosi fan tutte » kaj la « Zauberflöte (magia fluto) ». Krome li ankoraŭ verkis multajn kantojn, 6 violonkoncertojn, 25 fortepiankoncertojn, 7 kordinstrumentajn kvintetojn, 42 violonsonatojn. Mozart ankaŭ kreis 40 sinfoniojn el kiuj estu menciataj la « Jupiterosinfono » kaj la « G-moll -sinfonio ». Neelĉerpebla estas ankaŭ la ĉarmo de liaj fortepiansonatoj. Lia lasta laboro estis la « Rekviemo ». La verko de la vivo de Mozart staras en la signo de nekomparebla, ĉarmplena harmonio kaj mirakla abundo da melodioj. Li estas la plej alta artista esprimo de la movebla nature talenta, katolika, altgermana, aŭstra gento. En Salzburg ekzistas Mozartmuzeo, la tiea muziklernejo nomiĝas Mozarteum.

KARL DÜRSCHMID.

## La katolika gazetaro de Germanujo

En la kadro de la vintro-programo de la gazet-scienca unuiĝo de Munheno antaŭ nelonge Prelato D-ro Müller, la ĝeneraldirektoro de la katolika pres-unuiĝo, parolis en la Universitato pri la supre nomita temo. Komence li precizigis la karakteron, la apartecon de la katolika germana gazetaro, kiu — flankelasante negocajn interesojn — devas vidi sian idealon en servo al la katolika afero kaj en servo al la popolo, kaj kiu estante popoledukistino scias sin devigata per neforŝoveble moralaj normoj.

La malfavoro de la nuntempaj negocaj cirkonstancoj en la ĵurnalismo pli malmilde tuŝas la katolikajn gazetojn ol aliajn foliojn; ĉar ĝuste sur la kampo de la gazetaro ne funkcias la disciplinita ofensivo kaj defensivo de la alie tiel batalpretaj katolikaj organizaĵoj. Tamen estas ĝojige konstati la faktojn, ke Germanlando kaj Bavarujo malgraŭ milito kaj inflacio sur la kampo de la katolika gazetaro plirapide kaj plibone antaŭenvenis ol la Jezuitoj en Romo, ol la trust-folioj en Italujo, ol la Asumcianoj en Parizo kaj la katolikaj gazetoj en Ameriko.

Prelato D-ro Müller — jetinte pikantan return-rigardon al la gazetaro en la kulturbatal-tempoj — detale priparolis *staton kaj strukturon* de la estanta germana katolika gazetaro kaj prezentis la interesan rezulton ke ties ĉefforto estas ĉe la provinc-gazetaro, ĉe la amaso da malgrandaj hemland-folioj kaj semajgazetoj, en kiuj estas kaŝita la mistero de la politika potenco kaj de la politika influo de la germana katolikismo. La saman valoron plue havigas al si la dimanĉfolioj kaj la malgrandaj religiaj revuoj.

La lastnomita konstato alkondukis la prezentadon de la principoj laŭ kiuj la Katolika pres-unuiĝo en Bavarujo estas organizita, kies grandeco, aranĝo kaj disvastiĝo al multaj aŭskultantoj faris videble sensacian imponon, ĉar ja ĝuste en la grandurbo la efikeco de ĉi tiu organizaĵo ne tiel altrudeme publikiĝas. Ne estu ĉi tie nemenciite, ke la raportanto en propra persono devas esti nomata la animo, ĉefimpulso kaj senlaca organizanto de la Katolika presunuiĝo.

Interesega estis mallonga deflankiĝado pri la *influo de la gazetaro sur la balotojn*, el kiu sekvis, ke nur katolika gazetaro ĉe la balotoj por la regna parlamento 1930 liveris ankaŭ la voĉojn, kiuj egalis al ĝia disvastiĝo, dum ĉe aliaj partioj nepre laŭleĝe la voĉoj de la balotintoj estis en inversa proporcio al la disvastiĝo de la alapartenaj parti-gazetaroj.

Ankaŭ la precipaj *mafacilaĵoj* ĉe katolikaj gazetoj, kiuj ĝuste el ties karaktero devas sekvi, prezentigis al la plejmultaj aŭskultantoj novajn kaj neatenditajn informojn. Ĉi tiuj malfacilaĵoj aperas, se temigas gajni abonantojn, ĉar ja sendube la abonantoj preskaŭ konsistas nur el katolikoj, dum aliflanke katolikoj tamen ankaŭ estas tre serĉataj kaj pagi-kapablaj abonantoj nekatolikajn gazetojn. Plue kreskas ĉi tiuj malfacilaĵoj koncerne la anonc-parton, kiu — mezurita laŭ mondperceptaj kaj moralaj mezuriloj — devas esti tenata absolute pura kaj per tio libervole rezignas altegajn enspez-fontojn. Kiel pluan malfacilaĵon la oratoro elmontris la ŝarĝiĝon per senpagaj notoj kaj senpagaj raportoj; kaj oni aŭdis la maldolĉan, sed bedaŭrinde nepre trafan vorton, ke 90 % kaj pli da katolikaj organizaĵoj eĉ nur tiukaze rememoras sian gazeton, se ili ion bezonas de ĝi.

Finparole la raportanto citis *eldirojn de Papoj kaj Kardinaloj*, kiuj ĉiam denove urĝe indikis la valoron de la katolika gazetaro kaj ĉikaze denove precipe nomis la katolikan pres-unuiĝon, ties benriĉan utilon kaj efikon.

Jam dum la parolado, sed precipe post fino la klaraj, prispertaj, varmaj kaj energiaj detaladoj de la raportanto trovis nekutime viglan aplaŭdon. Precipe konsiderante kelkan aŭskultanton « el la alia tendaro », kiun ni vidis enpensiĝinte sidantan, estas ĝojo kaj kontentigo, ke viro de tia ampleksa, el praktika agemo kaj praktikaj sukcesoj ĉerpita kompetenteco antaŭ pligranda forumo en la Universitato detalis karakteron kaj evoluiĝon de la katolika gazetaro en Germanlando.

J. L.

## Montru nian gazeton al viaj katolikaj amikoj